3.ª Epoko * N.º 80 Januaro * 1924

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanoj esperantistoj * Organo de los esperantistas españoles

Fondinto: AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

Redakcio: Mar, 23 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

Direktoro: M. CAPLLIURE * Senpaga = Gratuito



## Nia reapero

La Suno Hispana leviĝas de nove ĉe la orienta regiono de Hispanujo, la trian fojon. Ĝia fondinto mortis; sed lia memoro vivados inter ni por varmigi nin, kiel la vera Suno lumigas kaj varmigas la tutan hispanlandon ĉiutage.

Ŝajnas ke la katastrofo preskaŭ tutmonda, forpasis. Ĝi devigis la fondinton de tiu-ĉi gazeto malaperigi ĝin, kaj ni aperigas ĝin nune ĉar li promesis fari tion kiam la milito estus fininta.

Jen La Suno Hispana. Ĝi aperas tiel, kiel aperis la unuan fojon: dukolona, dulingva, samformata; kiel ĝin elpensis Sro. Jiménez Loira.

Kial?—Unue ĉar ni opinias ke la milito malantaŭenirigis nian movadon kaj haltigis ĝin tiel ke ni devas alifoje propagandi nian karan lingvon kvazaŭ ni estus reirantaj en la 1903anjaron. Plie, ni verkas ĝin dukolone kaj dulingve, ĉar ni konstatis ke ĉu por la hispanlingvanoj ĉu por la nehispanlingvanoj estas preferata ĝi tiamaniere: por la hispanlingvanoj, kiuj

## Nuestra reaparición

El Sol de España se eleva de nuevo en la región oriental de España, por tercera vez. Su fundador murió; pero su memoria vivirá entre nosotros para animarnos, como el verdadero Sol ilumina y transmite su calor, un día y otro día, a todo el solar hispano.

Parece que la catástrofe casi mundial, ya pasó. Ella obligó al fundador de esta revista a suspender su publicación, y nosotros la hacemos reaparecer ahora, porque él prometió efectuarlo tan pronto la guerra hubiese acabado.

He ahí El Sol de España.—Aparece tal y como vió la primera luz: a dos columnas, bilingüe, de igual tamaño, como lo creó el Sr. Jiménez Loira.

¿Por qué así?—En primer lugar, porque opinamos que la guerra hizo retroceder nuestro movimiento y lo detuvo de manera que debemos otra vez propagar nuestra querida lengua, como si volviésemos a penetrar en el año 1903. Además, le editamos a dos columnas y en forma bilingüe, porque tenemos comprobado que tanto los que hablan la lengua castellana, como los que no la hablan, prefieren nuestra revista de este modo: los que conocen el castellano y aprenden el Esperanto, ya que por él pueden ejer-

lernas esperanton, ĉar per ĝi ili povas ekzercadi kaj ellerni la internacian lingvon: por la nehispanlingvanoj, ĉar estas multaj kiuj lernas hispanan lingvon kaj pere de nia gazeto ili povas ankaŭ perfektiĝi je la lernado de nia nacia lingvo. Fine, ĝi aperas samformata, ĉar ni volas honori ĝian respektindan devenon.

Do, venu al ni hispanoj! Helpu nin: ne nur per abomena monero, sed per via morala apogo; ne nur per varmigaj vortoj sed per veraj kaj pozitivaj faktoj.

LA REDAKCIO.

citarse y completar el estudio de la lengua internacional; los que no saben el castellano y lo aprenden, ya que por medio de nuestra revista, pueden perfeccionarse en su estudio. Finalmente, aparece de igual tamaño y forma, porque queremos honrar su origen digno de todo nuestro respeto.

¡Venid, pues, hispanos! Auxiliadnos, no sólo mediante la entrega de unas despreciables monedas, sino con vuestro apoyo moral; no tanto con palabras de enardecimiento, como mediante vuestra cooperación traducida en hechos verdaderos y positivos.

LA REDACCIÓN.

---

# Sro. Rikardo Codorníu

La hispana esperantistaro perdis la plej eminentan kaj diligentan pioniron de internacia lingvo. Li ĉeestis la Unuan Kongresen de Esperanto en Boulogne sur Mer; estis la unua Prezidanto de H. S. p. p. de E. kaj honora Prezidanto de la Orienthispana Esperantista Federacio; li verkis multajn librojn, flugfoliojn kaj broŝurojn pri Esperanto, kaj, kiel propagandisto de lingvo internacia, skribis plurajn artikolojn sur la ĵurnaloj *La Verdad* kaj *El Tiempo*, de Murcio; li apartenis al U. E. A. kaj kiel ĝia deligito en Murcio, profitis la okazon propagandi la esperantajn instituciojn, ĉu oficiale ĉu private; fine, ĉiuj samideanoj, kiuj de jam multaj jaroj estis trapasantaj Murcion, kaj havis la okazon viziti lin, ekvidis sur la fasadmuro de lia domo grandan afiŝon, per verdaj literoj dirantan: «Lernu Esperanton, la solan veran internacian lingvon».

LA SUNO HISPANA ankaŭ perdis per la morto de Sro. Codorniu, unu el ĝiaj plej aktivaj propagandistoj, monhelpantoj kaj kleraj kunlaborantoj.

# D. Ricardo Codorníu

Los esperantistas españoles han perdido al más eminente y diligente campeón de la lengua internacional. Él asistió al primer Congreso de Esperanto en Boulogne sur Mer; fué el primer presidente de H. S. p. p. de E. y Presidente Honorario de la Federación Esperantista levantina; él escribió muchos libros, hojas sueltas y folletos sobre Esperanto y como propagandista de la lengua internacional, escribió diversos artículos en los diarios *La Verdad* y *El Tiempo*, de Murcia; perteneció a la U. E. A. y como delegado de ella en Murcia aprovechó la ocasión de hacer propaganda de las instituciones esperantistas, tanto pública como particularmente; finalmente, todos los partidarios de la lengua internacional que de mucho tiempo a esta parte han atravesado Murcia, y tuvieron la coyuntura de visitarle, se veían sorprendidos al ver sobre la fachada de su casa un rótulo grande que con letras verdes decía: «Aprended el Esperanto, la única verdadera lengua internacional».

EL SOL DE ESPAÑA también ha perdido, con la muerte del señor Codorníu, uno de sus más activos propagandistas, protectores y cultos colaboradores.



**Sro. Rikardo Codorníu Stárico**

Arbara inĝeniero

*Mortis en Murcio (Hispanio), la 26.an de septembro 1923.a*

**D. Ricardo Codorníu Stárico**

Ingeniero de Montes

*Murió en Murcia (España), el 26 de septiembre 1923.*



# Kvazaŭ preĝo

Se vi iam al la kampo irus,
Kie arboj kreskas foliplene,
Kaj se vi vin sentas senĉagrene
Kaj revante—kiel mi dezirus—;
Vi jam aŭdus kvazaŭ se sopirus
Iu dolĉe, milde eĉ bonvene.

**Sciu:**

De *Ricardo Codorníu*,
Jes, de lia la animo
Dolĉa milda esprimo
Estos ĝi, kaj ne sopiro
De l' fervora homamanto
Kaj fidela pioniro
De la lingvo Esperanto.

—

La murmuro de la vento tra folioj,
Kantoj de la birdoj, de la akvo plaŭdo
Ĉe la rokfluejoj, estas harmonioj
Pri li de l' arbaro, kaj gloregа laŭdo
Pri la vivo de l' Inĝeniero fama,
Kiu familien estis, ja, modelo;
Por la *Kolegaro*, nobla kaj homama
Preta ĉiam por hompliboniga celo.

—

Homoj, birdoj, arboj kaj la plantoj,
Bonon ŝuldas lin;
Kaj dankemaj, kvazaŭ preĝoj, estu kantoj,
Ĉar ĵus lin forportis la *Destin'*!

J. M. Rosenörn.

# Al la Esperantistoj hispanaj

Esperanto iras de triumfo en triumfon, sed ne tiel rapide kiel estas dezirinde, kaj ne ne venkante barojn kiuj je ĉiu momento stariĝas kaj kiuj postulas konstantemon nelacigeblan de nia laboro. Jam oni povas paroli pri nia kara dua lingvo kie ajn kaj antaŭ ĉiuj personoj, kaj eble oni aŭskultos nin kun miro, kun dubo; eble kuraĝos iu argumenti kontraŭe kaj starigi diskuton, sed malofte aperas jam ĉe la lipoj de iu tia rideto kompatema, malestima, mokema, per kiu oni kutimis respondi ofte niajn argumentojn. Sed ĉio tio ĉi, precize devigas pli kaj pli al laboro intensa, nelacigebla kaj sufiĉe kapabligita.

En la mondo esperantista oni tuŝis la neceson starigi organizon unikan universalan, kiu atentu la subtenon de la institucioj oficialaj de Esperanto kaj kiu donu unuiĝon kaj pli grandan efikon al la agado esperantista universala por atingi la akcepton oficialan de Esperanto de la Registaroj de la popoloj civilizitaj kaj ĝian enkondukon en la instruado oficiala de la ŝtatoj. Antaŭ ol la Kongreso de Helsingfors, en kiu la Unuiĝo estis akceptata, la esperantistoj de unu kaj aliaj landoj celis per tiu aŭ per alia maniero alveni al la Unuiĝo nacia, kaj tiel, en Hispanujo, dum la Kongreso de la Federacio Kataluna Esperantista, kiu okazis en Olot, oni planis atingi nian Unuiĝon pere de Konfederacio el Federacioj regionaj ekzistantaj tiam kaj el tiuj, kiujn oni starigos poste. Tial, oni fondis diversajn Federaciojn regionajn, pro la kons-

# A los Esperantistas españoles

El Esperanto va de triunfo en triunfo, pero no tan deprisa como es de desear, y no sin vencer obstáculos que a cada momento surgen y que requieren la constancia inquebrantable de nuestra labor. Ya se puede hablar de nuestra cara segunda lengua en cualquier lugar y ante todas las gentes, y quizá le escuchen a uno con asombro, con duda; quizá se atreva alguno a argumentar en contra y a entablar discusión, pero rara vez asoma ya a los labios de alguno aquella sonrisa compasiva, desdeñosa, burlona, con que se solía responder frecuentemente a nuestros argumentos. Pero todo esto, precisamente, obliga más y más a una labor intensa, incansable y suficientemente capacitada.

En el mundo esperantista se tocó la necesidad de establecer una organización única universal que atendiese al sostenimiento de las instituciones oficiales del Esperanto y que diera unidad y mayor eficacia a la acción esperantista universal para alcanzar la aceptación oficial del Esperanto por los Gobiernos de los pueblos civilizados y su introducción en la enseñanza oficial de los Estados. Anteriormente al Congreso de Helsingfors, en que la Unidad fué acordada, los esperantistas de unos y otros países procuraron de un modo o de otro llegar a la Unidad nacional, y así, en España, en el Congreso de la Federación Catalana Esperantista, que tuvo lugar en Olot, se planeó conseguir nuestra Unidad mediante una Confederación de las Federaciones regionales existentes entonces y de aquellas que se estableciesen después. Por ello, se fundaron distintas Federaciones regionales, por la constante instigación de los esperantistas de la Federación catalana, y esta fué la razón para que el que suscri-

tanta instigo de la esperantistoj de la Federacio Kataluna, kaj ĉi-tiu estis la pravo de tio ke la subskribanto kun aliaj amikoj fondis la «Zamenhofan», kiel estis ankaŭ pravo por ke nia plorata kamarado kaj sperta arĥitekturisto, Trinidad Soriano, fondu la *Andaluzian*, laborante ambaŭ Federacioj plene interkonsente. *Hispana Esperantisto* estis la movilo de la Esperantismo en nia lando, la ilo por hejti la fajron sanktan de nia idealo; dum la malfeliĉaj tagoj de la milito ĝi estis ilo efika por veki niajn kamaradojn, kiujn la malespero malproksimigis de niaj vicoj; ĝi portis for de niaj landlimoj la animon esperantistan hispanan avidantan ĉien konigi ĉion, grandan, kion enhavas nia Hispanujo, farinte tion laŭ mezuro ebla, atinginte la estimon kaj la aplaŭdon de fremduloj; ĝi estis ilo efika por la laboro kiu sukcesis ĉe la I.ª Kunveno de Barcelona kaj II.ª, de Zaragoza, estante honoro de tiu, kiu sin turnas al vi, ke, ĉe la du Kunvenoj, triumfis la vera kaj pura idealo esperantista senigita el ĉia mempersonemo, el ĉia partiemo, el ĉia ideo kiu apartiĝis de la plej pura programo propagandi kaj oficialigi Esperanton. De Zaragoza eliris la decido pri niaj Kongresoj, tial okazis la I.ª de Valencio kaj okazos la II.ª en Bilbao, por kiu mi petegas al vi vian apogon moralan kaj materialan kaj vian ĉeeston kiel eble plej nombre, ĉar ĉi tiuj manifestacioj estas efike fruktodonaj, kaj same kiel en tiu, nia I.ª Kongreso, mi prezentis proponon por atingi nian Unuiĝon, ne vundante iajn interesojn, aŭ organizaĵojn starigitajn, harmonie je la interkonsento de Helsingfors, kaj mi ne atingis sukceson; hodiaŭ, pro la cirkonstancoj, kiujn ni travivas kaj

be con otros amigos fundase la «Zamenhof» con su revista *Hispana Esperantisto*, como lo fué también para que nuestro llorado camarada e ilustre arquitecto, D. Trinidad Soriano, fundase la *Andaluzia*, trabajando ambas Federaciones de completo acuerdo. *Hispana Esperantisto* fué el propulsor del Esperantismo en nuestro país, el medio de avivar el fuego sagrado de nuestro ideal en los aciagos días de la guerra mundial; fué instrumento eficaz para despertar a muchos camaradas a quienes el pesimismo había alejado de nuestras filas; llevó fuera de nuestras fronteras el alma esperantista española ansiosa de que se conociera en todas partes todo cuanto de grande encierra nuestra España, haciéndolo en la medida de lo posible, llegando a alcanzar la estimación y el aplauso de los extraños; fué instrumento eficaz para la labor que culminó en la Iª Asamblea de Barcelona y IIª de Zaragoza, siendo una honra del que se dirige a vosotros que, en las dos Asambleas, triunfase el verdadero y puro ideal esperantista, despojado de todo personalismo, de todo partidismo, de toda idea que se apartase del más limpio programa de propagar y oficializar el Esperanto. De Zaragoza salió la decisión de nuestros Congresos, y así tuvo ocasión el I en Valencia y tendrá ocasión el II en Bilbao, para el que requiero vuestro apoyo moral y material y vuestra asistencia en el mayor número posible, porque estas manifestaciones son de una eficacia excelente; y así como en aquél, en nuestro primer Congreso, presenté una proposición para llegar a nuestra Unidad sin herir ninguna clase de intereses, ni organizaciones establecidas, en armonía con lo acordado en Helsingfors, y no llegué al éxito; hoy, dadas las circunstancias por que atravesamos y consciente de la necesidad de la Unidad perseguida, empiezo por dar el ejemplo, al hacer un llamamiento a ella para todos los que honradamente, sin prejuicios de ninguna clase, sientan el ideal esperantista, que es de unión, no de separación.

konscia je la necesa Unuiĝo celata, mi ekdonas ekzemplon farante alvokon pri ĝi al ĉiuj kiuj honeste, sen antaŭjuĝoj iaj, sentas la idealon esperantan, kiu estas unuiga, ne disiga.

Atingita de mi denove mia ofico en Madrido por iom da jaroj, kiam mi min decidis entrepreni ree mian laboron esperantan, interrompitan de mia militservado en Afriko, alvenas al mi kaj al aliaj kamaradoj de Madrido projektoj kiuj satigas plene la aspirojn de ĉiu esperantisto hispana, kaj ĉiuj interkonsentinte pri la plano ĝenerala, mi konsciis: ke *Hispana Esperantisto* devis cedi la lokon al LA SUNO HISPANA, al la gazeto kiu tiel alte metis la esperantemon hispanan; ke tiu ne reaperu, kiel proponis la kamaradoj valenciaj, sed ke ĝi fandiĝu ĉe ĉi-tiu, kaj ke ĉi-tiu, kiel ĝia nomo diras, estu kiu lumigu egale la esperantistojn hispanajn, estu ilia ligilo por la unuiĝo kaj estu produkto de laboro ĉies kaj ne de laboro persona, kiel estis *Hispana Esperantisto*, por ke ne reinterrompiĝu la vivo de la organo, kiu, subtenonta nian kuniĝon, devas reflekti nian senton kaj taŭgi kiel instigilo por la disvastigo de Esperanto.

Mi deziras al vi sanon por labori kun entuziasmo; unuiĝon, por ke la laboro estu granda kaj fruktodona; prosperojn ĉiajn, por ke vi kunhelpu kiel eble plej, la subtenon de la entrepreno, kiun oni komencas denove, kaj sendas al vi brakpremon fratan, ĉar, spite de ĉio, vi estas miaj fratoj en Esperantujo.

JULIO MANGADA ROSENÖRN.

Madrido, januaro, 1924.

Alcanzado de nuevo mi destino en Madrid para unos cuantos años, cuando me proponía emprender nuevamente mi labor esperantista, interrumpida por mi servicio en Africa, llegan a mí y a otros camaradas de Madrid proyectos de nuestros compañeros de Valencia, proyectos que satisfacen por completo las aspiraciones de todo esperantista español, y todos de acuerdo en el plan general, entendí: que *Hispana Esperantisto* debía ceder el puesto a LA SUNO HISPANA, a la revista que tan alto puso el esperantismo español; que aquélla no reaparezca, como proponían los camaradas valencianos, sino que se fundiera en ésta, y que ésta, como su nombre dice, sea la que ilumine por igual a los esperantistas hispanos, sea su lazo de unión, y sea producto de una labor de conjunto y no de una labor personal, como fué *Hispana Esperantisto*, para que no vuelva a interrumpirse la vida del órgano que ha de mantener nuestra unión, reflejar nuestro sentir y servir de acicate a la difusión del Esperanto.

Os deseo salud para trabajar con entusiasmo; unión, para que la labor sea grande y fructífera; prosperidades todas, para que contribuyáis con el auxilio que os sea posible al sostenimiento de la obra que se comienza de nuevo, y os envío un abrazo fraternal, porque, a pesar de todo, sois mis hermanos en *Esperantujo*.

JULIO MANGADA ROSENÖRN.

Madrid, enero, 1924.

◆ ◆ ◆ ◆ ◆

# Pri Esperanto

## Opinioj de rimarkindaj eminentuloj

«La elpenso de Zamenhof estas, de la vidpunkto de la tutmonda ekspansio, la plej granda el ĉiuj; ĝi estas destinata renovigi la Mondon de la vidpunkto ekonomia kaj multipliki laŭ miriganta maniero la tutmondan produtadon. Neniam oni povos konscii kial la nacioj ne altrudis al si mem la nepran devon disvastigi la konon pri la helpa lingvo Esperanto laŭ devige, ne ekzamenante ĉu ĝi konvenas al unu aŭ al alia studento entrepreni la necesajn kursojn.

Tiu-ĉi indiferenteco estas vere ĉagreniga, kaj ĝi elpruvas pli ol la milito la sovaĝan malamon ĉe kiu kuŝas ankoraŭ la Homaro.

Estas nepre ke la xx.ª jarcento malaperigu tiel kriman herezaĵon». *Generalo Leman* (Heroa defendinto de *Lieĥa*).

---

«Mi mem studis la gramatikojn de Esperanto kaj Ido; mi laboris por kompreni la funkciadon de ambaŭ lingvoj... Ĉu estas ke Ido efektive montras progreson sur Esperanto?

Ni klare respondas: *NE*». *Henri Barbusse.*

---

«Mi scias ĉiujn argumentojn per kiuj oni kutimas batali kontraŭ la oficialigo de lingvo internacia ĝenerale kaj de Esperanto speciale; sed ankaŭ mi scias, ke la argumentoj favoraj por Esperanto havas pli grandan valoron ol la malfavoraj.

Per mi mem, mi konsciis ke la studo de Esperanto estas grava studo filozofia. Mi konas, malgraŭ mia modesteco kaj ne trograndigante, malmultajn disciplinojn pli bonajn por la spirito ol Esperanto, ne kalkulante ĝian utilecon praktikan. Mi ne celas min elmontri aŭtoritatulo, sed jes

# El Esperanto

## Opiniones de significadas eminencias

«El invento de Zamenhof es, desde el punto de vista de la expansión universal, el más grande de todos; desde el punto de vista económico, está destinado a renovar el mundo y multiplicar de manera admirable la producción mundial. Jamás se podrá concebir cómo las naciones no se impusieron a sí mismas el ineludible deber de divulgar el conocimiento de la lengua auxiliar Esperanto, de una manera obligatoria, no sometiendo a examen de si conviene a esa o a la otra clase escolar emprender los cursos necesarios para su estudio.

Esta indiferencia es verdaderamente lamentable, y demuestra, más que la guerra, el odio salvaje en que yace todavía la Humanidad.

Es imprescindible que el siglo XX haga desaparecer tan criminal herejía». *General Leman* (Heroico defensor de Lieja).

---

«Yo mismo he estudiado las gramáticas de Ido y de Esperanto; he trabajado para comprender el funcionamiento de ambas lenguas... ¿Acaso el Ido supone algún progreso sobre el Esperanto?

Claramente contestamos: «*NO*». *Enrique Barbusse.*

---

«Conozco todos los argumentos por los que se acostumbra a combatir contra la oficialización de la lengua internacional en general y del Esperanto en particular; pero también sé que los argumentos favorables al Esperanto tienen valor más grande que los desfavorables.

Por mí mismo he llegado a la conclusión de que el estudio del Esperanto es un estudio filosófico de importancia. Conozco, a pesar de mi modestia y sin exagerar nada, muy pocas disciplinas mejores para el espíritu que el Esperanto, sin tener en cuenta su utilidad práctica. No

spertulo: mi studis proksimume dekok lingvojn eŭropajn kaj orientajn, malnovajn kaj novajn; tial, mi estas sufiĉe kapabligata por paroli kiel praktika filologo, kaj min fundamentante sur miaj spertoj, sur miaj personaj konvinkiĝo kaj impreso, deklari ke, de la literatura vidpunkto, Esperanto havas, kiel interkomprenilo, malmutajn konkurantojn inter la aliaj lingvoj historiaj kaj la naturaj aŭ naciaj.» *Charles Sarolea* (Profesoro pri franca literaturo de la Universitato de Edinburg. El parolado je la 23.ª de oktobro, 1919, ĉe la *United Free Asembly Hall*).

me propongo mostrarme como autoridad en la materia, aunque sí como *hombre experimentado*. Yo he estudiado aproximadamente dieciocho idiomas europeos y orientales, modernos y antiguos, así es que estoy suficientemente capacitado para hablar como filólogo experimentado, y fundándome en mis propias experiencias, en mis personales impresión y convencimiento, declarar que, bajo el punto de vista literario, el Esperanto tiene, como instrumento de comprensión recíproca, muy pocos concurrentes entre las demás lenguas, tanto históricas como modernas o nacionales». *Charles Sarolea* (Profesor de literatura francesa de la Universidad de Edimburgo. De su discurso el día 23 de octubre de 1919 en la *United Free Asembly Hall).*

---

«Esperanto faris same kiel akrobato, ekvilibrigante ĉe si mem la *muzikon* kaj la *alĝebron*, la emocian esprimon kaj la logikan esprimon». *Charles Baudois.* (Eminenta poeto de franca lingvo, profesoro de la Universitato de Ĝenevo).

«El Esperanto ha hecho lo mismo que un acróbata, equilibrando en sí mismo la «música» y el «álgebra», la expresión que emociona y la lógica de la expresión». *Charles Baudois* (eminente poeta de lengua francesa, profesor de la Universidad de Ginebra).

---

«La Societo de Nacioj, por vivi, devas esti societo ne el regatoj, sed de popoloj. Ĉi tiuj bezonas, por ke la milito estu forigata, *sin koni reciproke.* Lingvo helpa internacia estas nepre necesa al ili. Mi estas tute konvinkata, ke Esperanto plenumas kiel eble plejbone tiun neceson, kaj ke ĉi tiu lingvo helpos starigi la tutmondan pacon». *Justin Godart.* (Deputato franca *L' Ere Nouvelle*, 6 aprilo 1922).

«La Sociedad de las Naciones, para vivir, ha de ser sociedad no de súbditos, sino de pueblos. Estos han menester, para que la guerra sea abolida, *conocerse recíprocamente*. La lengua auxiliar internacional es de todo punto necesaria para ellos. Yo estoy totalmente convencido que Esperanto cumple lo mejor posible esta necesidad, y que esta lengua ayudará a la implantación de la paz universal». *Justin Godart* (diputado francés. *L' Ere Nouvelle*, 6 abril 1922).

---

«Esperanto estas idiomo preciza, kiel la franca lingvo; harmonia, kiel la itala; kapabla, kiel la greka». *Charles Richet* (Profesoro de la Universitato de Paris).

«El Esperanto es una lengua precisa, como la francesa; armoniosa, como la italiana; capaz, como la griega». *Charles Richet* (Profesor de la Universidad de París).

---

Fine, el proksimume 4148 vortoj de la vortaro Esperanto-Hispana de Inglada

Finalmente, de aproximadamente 4.148 voces del diccionario Esperanto-

kaj López Villanueva, 2511 apenaŭ varias de la hispanaj kaj 744 estas konataj de kiu ajn mezinstruito; nu, konsciu ĉu Esperanto estas facila por ni kaj atentu, por plejbona konscio rapida, ke la gramatiko konsistas el dekses reguloj sen esceptoj. Dek centimojn kostas ŝlosilo per kiu oni povos konstati la aserton; mendu ĝin al S-ro. Manuel Esteban. (Antonio Acuña, 3, Madrid. Est. IX).

Español de Inglada y López Villanueva, 2.511 apenas varían de las españolas, y 744 son conocidas de cualquier persona medianamente instruída; sacad, pues, la consecuencia de si el Esperanto es fácil para nosotros y *tened en cuenta*, para comprenderlo mejor, que su gramática consta de dieciséis reglas sin excepción. Diez céntimos cuesta la clave por la que se puede comprobar esta afirmación; encargadla a D. Manuel Esteban, Antonio Acuña, 3, Madrid. Est. IX.

---

# PAROLEJO

### Respondo al «Teknikaj Terminoj», núm. 245

Mi ne estas Akademiano, mi nur estas advokato kaj okaza maristo, sed mi, kiel esperantisto, ankaŭ deziras labori ĉe la marista esperanta vortaro. En tiu ĉi senco, mi volas respondi al mia amiko Sro. Robert Kreuz, rilate al la demando de li farita, sub tiu-ĉi rubriko de *Esperanto Triumfonta*, eldona numero 172.[a]

Hispane, ni nomas *Alisio* ĝenerale, la venton senŝanĝan (?), kiu blovas ĉu sur la Atlantika ĉu sur la Hinduja Maroj; sed tiun lastan venton ni nomas speciale *Monzon*. (La deveno de tiu vorto estas la araba *Mancim*, kiu signifas *Sezono*). Laŭ tio mi opinias private ke ni ne povas nomi sammaniere ambaŭ ventojn, se ni volas esprimi ĝuste nian penson. Sur tiu bazo mi fundamentas mian privatan tezon kaj el ĝi mi eltiras ke ĉar oni nomas la unuajn ventojn: *Alizes* (France), *Alisei* (Itale), *Aliseos* (Portugale) kaj *Alisios* (Hispane), t. e. kvar maristaj nacioj, kiuj havas la saman radikon por esprimi la saman sencon, kaj nur la angloj nomas tiujn ventojn *Trade Winds* kaj la germanoj *Passatwinds*, t. e. du nacioj kiuj havas malsaman radikon por la sama vorto, ja mi povas konkludi ke la triumfo devas aparteni al la kvar nacioj kiuj uzas la saman radikon, laŭ Zamenhofa principo de internacieco.

Rilate al la *Alisea Vento* kiu blovas sur la Hinduja Maro, la francoj nomas ĝin *Mousson*, la italoj *Monsone*, la angloj *Monsoon*, la portugaloj *Monçao*, kaj ni la hispanoj *Monzon;* nur la germanoj nomas tiun venton *Passatwind*. Do, Sro. Boirac estas iomete prava...

Krom tio, mi ne estas tute konsenta pri *Senŝanĝa Vento* (laŭ Dro. Zamenhof) por ambaŭ ventoj, tial ke la *Alisa* aŭ *Alisea Vento*, jes, estas konstanta, sed la *Monzona Vento* blovas dum la vintro laŭ nordorienta direkto kaj dum la somero laŭ sudokcidenta.

ANDRÉS PIÑÓ,
*Delegito de U. E. A.*

Valencia (Hispanio).

❖ ❖ ❖ ❖ ❖

# IMPORTANTE CIRCULAR

## (GRAVA CIRKULERO)

### OFICIALIGO DE ESPERANTO en la internaciaj administraciaj rilatoj de la Poŝto, Telegrafo kaj Telefono

*Grava sciigo kaj rekomendo*

La XV-a akceptis en Nürnberg unuanime resolucion favoran al enkonduko de Esperanto en la internacian servon de Poŝto, Telegrafo kaj Telefono kaj al la akcepo de Esperanto kiel telegraman lingvon «klara».

La Internacia Ligo de Esperantaj Poŝt- kaj Telegraf-Oficistoj preparis petskribojn al la du Internaciaj Unuiĝoj de Poŝto kaj Telegrafo, sed necesas aldonon de multnombraj bonaj esp. *kaj ne*esp. subskriboj ĉiulandaj por efika sukceso.

Mil kvarcent listoj estas jam forsenditaj k. a. estas haveblaj ĉe la subskribinto. La afero estas gravega por Esp., ni do petas la komitatanojn, redaktorojn, fak- kaj grupestrojn, kiel precipe la estimatajn delegitojn de UEA, helpu nin, subskribu kaj subskribigu, kaj resendu al ni *nur tutplenigitajn* listojn kun la samaj subskriboj sur ambaŭ listoj (Poŝto kaj Telegrafo). En ĉiu urbo troviĝas sufiĉe da esp-istoj aŭ esp-emaj personoj por plenigi almenaŭ du listoparojn kun subskriboj. Ne plenajn subskribo-listojn ni resendos por finplenigo.

Ĝis nun ni ricevis nur 133 listoparojn kun en tute 6730 duoblaj subskriboj. Ili plejparte enhavas multajn bonkvalitajn subskribojn, kiel ekzemple de altaj oficistoj, konsilistoj, firmaoj kaj estroj de

### OFICIALIDAD DEL ESPERANTO en las relaciones internacionales administrativas de Correos, Telégrafos y : : : : Teléfonos : : : :

*Importante noticia y recomendación*

El XV Congreso en Nürenberg aceptó, por unanimidad, una resolución favorable a la adopción del Esperanto en el servicio internacional de Correos, Telégrafos y Teléfonos, y la admisión del Esperanto como lenguaje telegráfico «claro».

La Liga Internacional de oficiales telegráfico-postales esperantistas, preparó una solicitud a las dos Uniones Internacionales de Correos y de Telégrafos, pero necesita la adición de muy numerosas y buenas rúbricas, tanto de esperantistas como de no esperantistas de todos los países para obtener éxito eficaz.

Mil cuatrocientas listas han sido ya enviadas y otras están a disposición en casa del que suscribe. El asunto es de suma importancia para el Esperanto; por tanto, rogamos a todos los comités, redactores y jefes de sección y de grupo y también a los estimados delegados de U. E. A. que nos ayuden suscribiendo y haciendo suscribir dichas listas, devolviéndolas después de llenar completamente con las mismas firmas en ambas (Correos y Telégrafos). En toda ciudad se encuentra suficiente número de esperantistas o amigos del Esperanto, para llenar de firmas, por lo menos, dos pares de listas. Las incompletas serán devueltas para que se completen.

Hasta ahora hemos recibido solamente 133 pares de listas, conteniendo en total 6.730 firmas dobles. La mayor parte contienen muchas rúbricas de calidad, como, por ejemplo, de altos empleados, consejeros, casas de comercio y jefes de

diverspecaj societoj. Eĉ 5 direktoroj de internaciaj oficejoj subskribis al ni, sed tio ankoraŭ tute ne sufiĉas. El kelkaj landoj ni ĝis nun preskaŭ neniujn subskribojn ricevis, sed ni bezonas la kunhelpon de ĉiuj. Ni kunmetis cirkuleron, kiu klarigas ĉion.

Kun kora antaŭdanko kaj saluto,

por la Internacia Ligo de Esperantaj Poŝ-kaj Telegraf-Oficistoj (ILEPTO)

*D-o Ed. Spielmann*, 2a vicprezidanto,
P. K. 174, Transit, Bern (Svislando).

sociedades de diversas clases. Hasta cinco directores de oficinas internacionales nos han enviado su adhesión, pero esto todavía no es suficiente. De algunos países hasta el presente no hemos recibido adhesiones, más nosotros necesitamos la colaboración de todos. Acompañamos a las listas circular explicativa.

Con saludo cordial y gracias anticipadas,

Por la Liga Internacional de Oficiales Esperantistas de Correos y Telégrafos (ILEPTO)

*Dr. Ed. Spielmann*, 2.° Vicepresidente,
P. K. 174. Transit, Berna (Suiza).

# ACADEMIO KAJ LINGVA KOMITATO

Post la diversaj elektoj de 1923, la Akademio konsistas nun el:

Prof. TH. CART, *Prezidanto* S-ro J. M. WARDEN kaj, D-ro J. DIETTERLE, *Vic-prezidantoj*, Prof. E. GROSJEAN-MAUPIN, D-ro W. LIPPMANN, D-ro E. PRIVAT, *Direktoroj de la fakaj Sekcioj*, S-ro W. BAILEY, Prof. P. CHRISTALLER, D-ro P. CORRET, Prof. A. DOMBROWSKI, [S-ro E. EVSTIFÉIEFF], S-ro V. INGLADA, S-ro G. ISBRÜCKER, S-ro E. KÜHNL, S-ro P. DE LENGYEL, Prof. B. MIGLIORINI, S-ro E. A. MILIDGE, S-ro P. NYLÉN, *membroj*.

*Akademiaj Korespondantoj:* S-ro ROLLET DE L' ISLE (Scienca kaj Teknika Vortaro), S-ro W. SETÄLÄ (Finna lingvo), S-ro M. SOLÁ (Kataluna), S-ro A. TELLINI (Ladina), D-ro LEONO ZAMENHOF (Pola).

*Sekcio Komuna Vortaro:* Prof. GROSJEAN-MAUPIN, *Direktoro*, S-roj BAILEY, MIGLIORINI, MILLIDGE, NYLÉN, BÜNEMANN, SOLÁ, *membroj*.

*Sekcio Gramatiko:* D-ro LIPPMANN, *Direktoro*, S-roj CHRISTALLER, CORRET, DE LENGYEL, COLLINSON, STOJAN, *membroj*.

*Sekcio Konkursoj kaj Premioj:* D-ro PRIVAT, *Direktoro*, S-roj ISBRÜCKER, KÜHNL, S-ino HANKEL, S-roj DE MÉNIL. STRŒLE, *membroj*.

* * *

Mankas ankoraŭ, por ke niaj Lingvaj Institucioj estu *plene* reorganizitaj, granda parto de la ruslingva reprezentantaro. Bedaŭrinde sen respondo ĝis nun restis la leteroj de l' Prezidanto, ĉu ĉar ilin ne ricevis la korespondantoj en Rusujo, ĉu ĉar iliaj respondoj ne alvenis Francujon. Tamen oni rajtas esperi, ke la petitajn sciigojn la Akademio ricevos fine kaj ke antaŭ la Viena Kongreso ĉio estos en plena ordo.

* * *

*Sekcio Komuna Vortaro.*—La Esperantistoj, jam sufiĉe multnombraj, kiuj sendas al la faka Direktoro manuskriptojn por tralegado rilate la vortaron, estas petataj sendi kun la manuskripto 10 francajn frankojn (aŭ saman voloron). La Direktoro sciigos poste la aŭtoron pri la de li definitive pagota sumo, kiu dependas de la amplekso kaj de la pli malpli bona stila valoro de l' manuskripto.

* * *

*En presado.*—Pro. GROSJEAN-MAUPIN: *Oficiala Radikaro*, kun tradukoj en franca, angla kaj germana lingvoj kaj esperanta difino de l' vortoj, kies signifo povas esti duba.

La sama kun tradukoj en aliaj lingvoj aperos poste.

* * *

Malprave oni riproĉus la Lingvajn Instituciojn, ke tro modestaj estas iliaj laboroj *(3-a Aldono, Vortaro de la oficialaj radikoj, Korekto de la eraraj tradukoj en U. V).* Oni ne rajtas forgesi, ke post longa milito la unua tasko estis ilia reorganizado kaj aliflanke ke, en la postmilita periodo, kiam ĉiu nacio emas vivi «ĉe si», kiam la internaciaj rilatoj preskaŭ ne plu ekzistas, kiam en multaj rondoj malpli sentebla fariĝis la bezono pri internacia lingvo, kiam la financa demando ĉion malfaciligas, modesteco estas forto: modesta fajro, se tiuj, kiuj zorgas pri ĝi, estas *obstine persistemaj*, daŭras, dum pajla fajrego momente brilas, sed baldaŭ estingiĝas de si mem aŭ sub la akvo de la alkurintaj pumpistoj!—Ni estu obstine persistemaj, ni laboru senbrue kaj, kiam pli helaj tagoj venos, kiujn ni ankaŭ sur diversaj kampoj klopodos por kiel eble baldaŭigi... tiam, se ni Esperantistoj, dank' al nia severa lingva disciplino—de *ĉiuj* pri *ĉiuj* punktoj fine akceptita—sciis konservi al nia lingvo ĝian internacian *unuecon*, ĝian vortaran simplecon, ĝian komunan facilecon, nenia forto, nenia kontraŭbato malhelpos la triumfon de nia Zamenhofa Esperanto!

TH. CART
Prezidanto de la L. K.
kaj de ĝia Akademio.

20 decembro, 1923.

◆ ◆ ◆ ◆ ◆

# SECCIÓN DE ENSEÑANZA

Bajo este título dejamos abierta una Sección dedicada exclusivamente a facilitar el estudio del Esperanto a aquellos de nuestros consocios que lo deseen. Ocurre que muchos empiezan el estudio del idioma internacional sin profesor y sin posibilidad de consultar sus dudas o dificultades con nadie, por residir en lugares donde no es fácil encontrar personas capacitadas para resolver aquéllas, lo cual ocasiona a veces el abandono del mismo estudio.

Los que se hallen en este caso pueden, pues, dirigirse a nosotros, exponiéndonos cuantas dudas se les ofrezcan y pidiéndonos las explicaciones que necesiten, seguros de que hemos de contestarles cuan extensamente lo permita el espacio de esta Revista destinado a tal fin.

Cada una de nuestras respuestas llevará su correspondiente número de orden, para poder hacer referencia a ellas fácilmente y evitar repeticiones inútiles, y serán dirigidas a las iniciales del nombre y apellido de nuestros comunicantes y, naturalmente, redactadas en castellano.

Esperamos, pues, las susodichas preguntas, que deberán ser lo más concretas y claras posible.

Foso.

Valencia, enero, 1924.

---

# Franca Societo por la Propagando de Esperanto

**Beauvais'a (Oise) Grupo**

AL ĈIUJ DELEGITOJ DE U. E. A.

KARAJ GESAMIDEANOJ,

Por nia kara lingvo, kaj precipe por la Paco ni insiste petas de vi ĉiuj ke ví bonvolu traduki nacilingve la ĉi-suban tekston kaj klopodi por enpresigi vian tradukon en kiel eble plej multe da viaj naciaj gazetoj kaj revuoj.

Sincerajn samideanajn antaŭdankojn.

Por la Grupo,
*La Prezidanto-fondinto,*
L. DEMARCY.
Leĝoscienca Licenciato.

# Sociedad Francesa para la propaganda del Esperanto

**Grupo de Beauvais (Oise)**

A TODOS LOS DELEGADOS DE U. E. A.

QUERIDOS SAMIDEANOS:

Por nuestra querida lengua y principalmente por la Paz, pedimos con insistencia de todos vosotros que tengáis a bien traducir al idioma nacional el texto siguiente, y que procuréis publicar vuestra traducción en el mayor número posible de vuestros periódicos y revistas nacionales.

Sinceras gracias anticipadas de vuestros correligionarios.

Por el Grupo,
*El Presidente fundador,*
L. DEMARCY
Licenciado en Derecho.

## *Kio estas Esperanto?*

Esperanto estas tre simpla helpa lingvo, piun jam uzas miloj da ĉiulandaj personoj, parolantaj multegon da malsamaj lingvoj, kaj kiu permesas al ili korespondadi kaj interparoladi reciproke sen interpretistoj, tiel facile, kiel se ĉiuj havus la saman nacian lingvon.

Kaj des pli kreskas ĉie ilia nombro, ju pli fariĝas granda por ĉiu el ili la utileco de tiu helpa komuna lingvo, sama por ĉiuj.

Esperanto cetere estas tiom facila ke kiu ajn povas ĝin lerni en la daŭro de nur kelkaj semajnoj, eĉ, se bezonas, sola kaj sen Instruanto.

Tial, malgraŭ iliaj multoblaj malsamaj lingvoj, la homoj rapide sukcesus sin ĉiujn kompreni sen la malhelpaĵo, se ĉiuj konsentus fari la etan penon necesan por lerni la Zamenhofan lingvon.

Kaj sin ĉiujn komprenante, ili rapide interkonsentus por trafi ke ĉiuj iliaj estrantoj kunhelpu organizi la Vere ĝeneralan Societon de l' Nacioj, sola rimedo praktika kaj efika. «*Por forigi tiun krimon : La Milito*» (1).

Ke, tiom por ilia persona kiom por la ĝenerala profito, ĉiuj amikoj de l'Progreso kaj de l'Paco bonvolu do helpi nin konigi kaj lernigi kiel eble plej rapide, ĉie kaj de ĉiuj, Esperanton.

LA BEAUVAIS'A ESPERANTISTA GRUPO.

---

(1) Sub tiu sama titolo «*Por forigi tiun krimon: La Milito*» grandanima viro, Sinjoro H. DEMONT. Advokato apud la Pariza Apelacia Kortumo, 130, RUE DE RENNES. PARIS (6'), starigis grandan universalan Asocion celantan trafi ke en ĉiuj landoj la famo insiste petu la aliformigon de la nuna Societo de l'Nacioj je la Vere ĝenerala Societo de l'Nacioj. Ke ĉiuj do, kiuj estas pretaj por helpi lin pri lia entrepreno, bonvolu sciigi lin pri tio, skribante al li per Esperanto. Li volonte donos al ili senpage ĉiujn necesajn sciigojn.

## *¿Qué es el Esperanto?*

Esperanto es una lengua auxiliar muy sencilla que ya usan miles de personas de todos los países, hablando multitud de lenguas distintas, la cual les permite tener correspondencia y hablar entre sí recíprocamente sin intérpretes, tan fácilmente como si todos tuviesen la misma lengua nacional.

Y tanto crece en todas partes su número, cuanto más grande es para cada uno la utilidad de este idioma auxiliar común, igual para todos.

Por lo demás el Esperanto es tan fácil, que cualquiera puede aprenderlo en el espacio de unas semanas solamente, y hasta si es necesario, solo y sin instructor.

Así, pues, a pesar de sus múltiples y diversas lenguas, los hombres conseguirían comprenderse unos a los otros rápidamente y sin ningún inconveniente, si todos, de acuerdo, se tomaran la pequeña molestia necesaria para aprender la lengua de Zamenhof.

Y, comprendiéndose todos, rápidamente llegarían a un acuerdo para conseguir que todos sus gobernantes ayudasen a organizar la verdadera y general Sociedad de las Naciones, único remedio práctico y eficaz *Para abolir ese crimen: La Guerra* (1).

Tanto para su provecho personal, como para el general, suplicamos que todos los amigos del Progreso y de la Paz quieran ayudarnos a dar a conocer e instruir el Esperanto lo más rápidamente posible, en todas partes, y de todos.

GRUPO ESPERANTISTA DE BEAUVAIS.

---

(1) Bajo este mismo título: *Para abolir ese crinem La Guerra*, un generoso señor, MR. H. DEMONT, abogado del Tribunal de Apelación de París, 130, rue de Rennes, Paris (6.°), ha establecido una gran asociación universal, que se propone conseguir que en todos los países, la voz pública pida con insistencia la transformación de la actual Sociedad de las Naciones en una Verdadera y General Sociedad de las Naciones. Así, pues, todos los que estén dispuestos a ayudarle en su empresa, diríjanse al mismo con este objeto, escribiéndole en Esperanto. Dicho señor contestará y dará gratuitamente toda clase de informes.

# El Esperanto en una página

Pronunciación de las letras:

**a, e, i, o, u, ŭ, b, d, f, k, l, m, n, p, r, s, t, v,** lo mismo que en castellano.

**c** = tse, **ĉ** = ch, **g** = gue, **ĥ** = j, **h** = aspirada, **j** = y,

**ĝ** = dche, **ĵ** = yche, **ŝ** = sche, **z** = dse

El acento recae siempre en la penúltima sílaba.

Artículo único, *la* = el, la, los, las

El sustantivo singular termina en *o: homo* (hombre), *kato* (gato).

» adjetivo » » *a: homa* (humano), *kata* (gatuno).

» infinitivo. . . . . . . . *i: ami* (amar), *skribi* (escribir).

» adverbio. . . . . . . . . *e: bone* (bien), *plene* (completemente).

El plural se forma añadiendo al singular una *j: libroj* (libros), *katoj* (gatos)—pronúnciese *líbroy, kátoy.*

Terminaciones de los tiempos y modos del verbo:

| *as* | *is* | *os* | *us* | *u* |
|---|---|---|---|---|
| presente | pasado | futuro | condicional | imperativo-subjuntivo |
| *ant* | *int* | *ont* | para los participios activos. | |
| *at* | *it* | *ot* | » » » | pasivos. |

Unico verbo auxiliar *esti* (ser, estar o haber), para los tiempos compuestos.

Ejemplos: *mi amas* (yo amo), *ili amas* (ellos aman), *vi amis* (usted amó), *ni amos* (nosotros amaremos), *li amus* (él amaría), *amu* (ama tú), *ki ili amu* (que ellos amen), *mi estas amanta* (yo estoy amando), *vi estas amonta* (usted ha de amar), *li estas amata* (él es amado), *mi estos amata* (yo seré amado)...

Las preposiciones forman la declinación, como en castellano, así: *de la patro* (del padre), *al la historio* (a la historia), menos el acusativo, que termina en *n: mi legas la libron* (yo leo el libro).

TIPOGRAFIA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas, 11, VALENCIA

## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**Centra Oficejo: 12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando)**

*Universala Esperanto-Asocio* celas:

Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.
Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.
Krei internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio.

Kreskigi inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

*Universala Esperanto-Asocio* konsistas:

El sepmil membroj diverslandaj.

El 1.200 Delegitoj kaj Vicdelegitoj en la ĉefaj lokoj, kiuj respondas la informpetojn de la membroj kaj helpas ilin okaze de vojaĝo.

El Komitato, elektita de la Delegitoj, el Centra Oficejo, el teritoria organizo, ktp.

*Universala Esperanto-Asocio* laboras:

Por konstrui centron de esperantista agado bone ordigita kaj forta. Konsiderante, ke internacia organizo estas necesa al lingvo internacia la lasta kongreso oficialigis U. E. A. kiel la tutmondan organizaĵon de individuaj esperantistoj.

## ASOCIACIÓN UNIVERSAL ESPERANTISTA

**Oficina Central: 12, Boulevard du Théâtre, Ginebra (Suiza)**

*La Asociación Universal Esperantista tiene por* objeto:

Difundir el uso de la lengua internacional auxiliar Esperanto.
Fomentar toda clase de relaciones morales y materiales entre los hombres sin distinción de raza, nacionalidad, religión o lengua.
Crear servicios internacionales para uso de todos los hombres, cuyos intereses intelectuales o materiales traspasan los límites de su nacionalidad o el territorio de su idioma.
Acrecentar entre sus miembros un fuerte lazo de solidaridad y desarrollar entre ellos el conocimiento de los pueblos extranjeros.
La Asociación es neutral en asuntos de religión, nacionalidad o política.

*La Asociación Universal Esperantista* consiste:

En siete mil miembros de diversos países.

En 1.200 Delegados y Vicedelegados en las principales localidades, quienes contestan a los informes que les piden los miembros y les ayudan con ocasión de sus viajes.
En un Comité, elegido por los Delegados, en una Oficina Central, en una organización territorial, etc.

*La Asociación Universal Esperantista* trabaja:

Por construir un centro de acción esperantista bien organizado y fuerte. En consideración a que una organización internacional es necesaria a una lengua internacional, el último congreso concedió oficialidad a la U. E. A. considerándola como la organización mundial de los esperantistas individuales.

3.ª Epoko * N.º 106 Marto * 1926

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj * Organo de los esperantistas españoles

Fondinto: AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

Redakcio: Mar, 23 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

Direktoro: M. CAPLLIURE



## VIª Hispana Kongreso de Esperanto en Madrido

### de la 30ª de majo ĝis la 6ª de junio 1926

**Ir-kaj-revenaj biletoj**

**Speciala tarifo de G. V. n.º 105**

*(Duonrondiraj biletoj por fremduloj)*

| | Klaso. | Pesetoj. |
|---|---|---|
| Portbou-Madrid-Hendaya | 1.ª | 126'25 |
| aŭ | 2.ª | 95'50 |
| Irún-Madrid-Cerbere | 3.ª | 60'95 |

Por ilin aĉeti oni ne bezonas la Kongreskarton kaj ili valoras por ĉiuj vagonaroj absolute. Ili permesas la vojaĝon, pasante tra Madrido de la komenco ĝis la fino de la landlimo, tra Barcelona-Zaragoza-Madrid-Ávila-Segovia-Valladolid-Burgos-San Sebastián, aŭ inverse, donante la eblon admiri la multenombrajn artajn belaĵojn el la diritaj urboj.

**Biletoj por hispanaj Kongresistoj, iro kaj reveno**

Por pli ol 100 km, ĉiu kilometro:

## VI Congreso Español de Esperanto en Madrid

### del 30 de mayo al 6 de junio de 1926

**Billetes de ida y vuelta**

**Tarifa especial de G. V. n.º 105**

*(Billetes semicirculares para extranjeros)*

| | Clase. | Pesetas. |
|---|---|---|
| Portbou-Madrid-Hendaya | 1.ª | 126'25 |
| o | 2.ª | 95'50 |
| Irún-Madrid-Cerbere | 3.ª | 60'95 |

Se pueden sacar, sin necesidad de la tarjeta de Congresista, valederos para todos los trenes en absoluto. Mediante ellos, se hace el viaje pasando por Madrid de uno a otro extremo de la frontera por Barcelona-Zaragoza-Madrid-Ávila-Segovia-Valladolid-Burgos-San Sebastián, o al contrario, pudiendo admirar las abundantísimas bellezas artísticas de dichas poblaciones.

**Billetes para Congresistas españoles, ida y vuelta**

Desde 100 km. en adelante, por cada kilómetro:

1.ª klaso, 0'075 pesetoj.
2.ª » 0'056 »
3.ª » 0'033 »

aldonante 15 % pro plialtigo, 10 % por Financo kaj 0'10 pesetoj pro imposto. Tial, do, estas facile, konsultante la fervojlibron, kiu montras la nombron da kilometroj, kalkuli la koston de ĉiu bileto, je kies aĉeto oni devas prezenti la Kongreskarton.

1.ª clase, 0'075 pesetas.
2.ª » 0'056 »
3.ª » 0'033 »

mas el 15 % de recargo, el 10 % para el Tesoro y 0'10 pesetas de sello. Así, pues, fácilmente puede uno, por medio de la guía de ferrocarriles que da el número de kilómetros, saber el coste de su billete mediante la presentación, al sacarlo, de la tarjeta de Congresista.

## EXCURSIONES

(ekskursoj)

| Precios en. . . . | 1.ª | 2.ª | y 3.ª | |
|---|---|---|---|---|
| Madrid-Segovia y regreso. . | 19'20 | 14'45 | 8'70 | |
| Id. -Escorial » . . | 9'75 | 7'30 | 4'30 | Se hará (aranĝita). |
| Id. -Ávila » . . | 21'75 | 16'30 | 9'85 | |
| Id. -Aranjuez » . . | 9'30 | 7'70 | 4'40 | Se hará con banquete oficial en los jardines. (Aranĝita kun oficiala festeno en la ĝardenoj). |
| Id. -Toledo » . . | 14'50 | 11 | 7'25 | Se hará (aranĝita). |

La ekskursoj okazos dum labortagoj, por atingi la plej grandan helpon kaj oportunecon. La tri surnotitaj estas oficialaj. La manĝoprezo en tiuj ĉi lokoj estos kiel eble plej malkara kaj laŭ la landkutimo se tio estas ebla.

Oni klopodos por atingi senpagan eniron aŭ rabaton ĉe la vizitoj farotaj en tiuj ekskursoj.

La kunsidoj okazos en la Medicina Akademio.

La aranĝoj marŝas bone por atingi rabaton ĉe hoteloj kaj manĝejoj, kaj oni pretigas du bonegajn koncertojn, kiuj kun la vizitoj al Museo del Prado, Nacia vestaĵejo, inda je tiu Muzeo, Moderna Arto, Reĝa Armilejo, Reĝaj Ĉevalejoj, Reĝa Palaco, k. a., en Madrid, kompletigos ĝuoplenan semajnon, kiu enlasos ĉe ĉiuj plaĉan kaj neforgeseblan impreson, ĉiam kalkulante sur la lojala kaj nobla karaktero de la loĝantaroj, kaj la lumo, ĉarmo, beleco kaj gajeco de la Urbo-Kortego.

Serán las excursiones en días de trabajo, para mayor facilidad y comodidad. Las tres anotadas son oficiales. La comida en cada uno de esos puntos, será lo más económica posible al estilo de la tierra, en lo que cabe.

Se procurará conseguir entrada gratuita o rebaja en las visitas que se hagan en dichas excursiones.

Las sesiones serán en la Academia de Medicina.

Se está en buen camino para alcanzar rebaja en hoteles y fondas, y se organizan dos magníficos conciertos, que con las visitas al Museo del Prado, del Traje Nacional, digno de aquél, de Arte Moderno, Armería Real, Reales Caballerizas, Palacio Real, etc., en Madrid, constituirán una espléndida semana, que dejará en todos una grata e imborrable impresión, dado el carácter franco y noble de las gentes, y la luz, gracia, belleza y alegría de la Villa y Corte.

Sendu vian aliĝon, enskribigu vin tuj kiel Kongresiston!

Laŭ lasta sciigo ricevita, lia Madrida Moŝta Urbestro S-ro. Grafo de Vallellano, kiu bonvolis akcepti la Honoran Prezidantecon de la Kongreso, la kongresanaro estos oficiale akceptata de la Urbestraro en la Urbodomo, kie oni regalos la esperantistojn per *lunĉo*. Ankaŭ sinjoro Grafo Vallellano konsentis subvencii la Kongreson per 1.000 pesetoj kaj disponigos por nia samideana festo la urban muzikistaron.

¡Mandad vuestra adhesión, afiliaos al Congreso en seguida!

Según noticias últimamente recibidas, el Excmo. Sr. Alcalde de Madrid, Conde de Vallellano, que se ha dignado aceptar la Presidencia honoraria del Congreso, los congresistas serán oficialmente recibidos por la Corporación municipal en la casa de la Villa, donde serán obsequiados con un *lunch*. También el señor Conde de Vallellano subvenciona el Congreso con 1.000 pesetas y pondrá la Banda Municipal a disposición de nuestra fiesta esperantista.

---

## BASES PARA UN CONCURSO DE FRASES ESPAÑOLAS CON PALABRAS ANFIBOLÓGICAS Y SU TRADUCCIÓN AL ESPERANTO

*Primera.*—El Grupo de Madrid abre concurso para premiar la mejor colección de frases españolas que contengan palabras anfibológicas con dos, tres, cuatro o más sentidos, traducidas al esperanto con palabras diferentes para cada sentido.

*Segunda.*—Los trabajos serán escritos en papel de tamaño del sellado oficial, a dos columnas, la de la izquierda español y la de la derecha en esperanto, numerando las palabras anfibológicas, conteniendo cuando menos cien frases españolas con su traducción al esperanto y terminando el escrito con la fecha y el lema que cada concursante adopte, en la forma siguiente:

| *Frases españolas:* | | *Esperantaj frazoj:* |
|---|---|---|
| | 1.ª | |
| Iremos mañana (1) por la mañana (2). | | Ni iros morgaŭ (1) matene (2). |
| | 2.ª | |
| Paseando con un cabo (1) de artillería por los alrededores del cabo (2) de Gata nos encontramos un cabo (3) de vela. | | Promenante kun artileria kaporalo (1) tra la ĉirkaŭaĵoj de Gata promontoro (2) ni trovis kandelfinon. |
| | 3.ª | |
| Sobre (1) mi cama he puesto un sobre (2) que contiene una nota sobre (3) inversión del dinero que sobre (4) después de pagada la lámpara eléctrica colgada sobre (5) la mesa del comedor. | | Sur (1) mia lito mi metis koverton (2) kiu enhavas noton pri (3) elspezo de la malmankinta (4) mono post pago de la elektra lampo pendigita super (5) la manĝeja tablo. |

Fecha y en lugar de la firma el *lema* que se elija, por ejemplo, *Esperanto, lingvo internacia.*

*Tercera.*—Los trabajos se presentarán en sobre cerrado en el que esté escrito el tema elegido y con otro sobre también cerrado que contendrá una cuartilla con dicho lema, la firma del concursante con su nombre y dos apellidos, su dirección y domici-

lio, y el recibo de la última mensualidad o cuota corriente que haya satisfecho el interesado en la Sociedad Esperantista a que pertenezca.

*Cuarta.*—Los trabajos se presentarán en los días del 10 al 20 de mayo, de diez de la mañana a una de la tarde, en el domicilio del Grupo, Madrid, calle de Sagasta, núm. 10, y serán juzgados por un Jurado que oportunamente se designará; publicándose el acuerdo en LA SUNO HISPANA, al mismo tiempo que todo o parte del trabajo premiado, que será propiedad del Grupo.

*Quinta.*—El premio consistirá en cincuenta pesetas (o más si se recaudaran), que se entregarán al agraciado, previa justificación de su personalidad. Si residiese fuera de la capital, podrá autorizar a vecino o residente en Madrid, por medio de comparecencia ante el Presidente y Secretario del Centro Esperantista a que pertenezca, firmando todos y sellando la correspondiente acta.

*Nota:* Para más detalles dirigirse a D. Benigno de Luna Gómez, calle de Abascal, 45, 1.°, Madrid.

---

## Latina lingvo kaj Esperanto-konkurantoj

Unu el niaj plej valoraj nunaj triumfoj estas sendube la akcepto de Esperanto kiel klara lingvo en la Internacia Konferenco de Telegrafado, dum septembro-oktobro en Parizo okazinta. Sed ne pri tiu sukceso je si mem ni parolu. Ni rimarku, ke ne sola atingis Esperanto tiun ĝeneralan akcepton en la internacia telegrafado: la honorinda patrino de multaj eŭropaj lingvoj, la latina, ankaŭ partoprenas. Ni ne envias ĝin pro tio, nenial. Sed ŝajnas al ni interese konsideri iom tiun aferon.

En iu aŭgusta numero de *A B C*, troviĝas artikolo kurioza, rilatanta al nia temo. Ĝia titolo: «La regno de l' latino komenciĝos morgaŭ» (El reino del latín empezará mañana). La verkinto, sinjoro E. Gómez Carrillo, laŭ kelkaj frazoj, mem dubas pri la realigeblo de l' plano de la franca kanoniko Meunier. Tiu plano celas nenion malpli ol enkonduki latinan lingvon per helpo de radiotelefonio kiel internacian helpidiomon. La ĉefargumento estas la jam ĝissate de ni konata: Ĉiuj ĝisnunaj artefaritaj lingvoj malaperis; Es-

## La lengua latina y los competidores del Esperanto

Uno de nuestros más preciados triunfos actuales es, sin duda, la aceptación del Esperanto como lengua clara en la Conferencia Internacional de Telegrafía, que tuvo lugar en París, durante septiembre-octubre. Pero no hemos de hablar de este hecho en sí mismo. Notemos que no sólo el Esperanto ha obtenido esa general aceptación en la telegrafía internacional: la honorable madre de muchas lenguas europeas, la lengua latina, también participa. No la envidiamos por eso: de ninguna manera. Pero nos parece interesante considerar un poco este asunto.

En cierto número de agosto de *A B C*, se encuentra un artículo curioso, relativo a nuestro tema. Su título: «El reino del latín empezará mañana». El autor, señor E. Gómez Carrillo, por algunas frases, él mismo duda de las probabilidades de éxito del plan del canónigo francés Meunier. Ese plan tiende nada menos que a introducir la lengua latina con ayuda de la radiotelefonía como idioma auxiliar internacional. Es argumento principal el ya conocido por nosotros hasta la saciedad: Todos los idiomas artificiales hasta

peranto ankaŭ malaperos; anstataŭe aperos alia efemera artefaritaĵo, kreata de iu filozofo germana aŭ iu iluminata moskvano. Sed la latino estas lingvo «natura» servinta dum pli ol dek jarcentoj kiel helplingvo.

Pri «artefariteco» ni ne parolu nun. Ĉiu el ni konscias, ne teorie, sed tre praktike, ke nia Esperanto ne estas malpli «natura» ol la naciaj lingvoj kaj ne pli «artefarita» ol ili. Interesa antaŭ ĉio estas por ni la kielo de la ĝenerala enkonduko de la latino. Eĉ kanoniko Meunier — «la klera apostolo de tiu krucmilitiro» — ne kuraĝas postuli, ke tiu internacia helplingvo latina estu la lingvo en la formo, kiun uzis Virgilo, Ovido kaj Cicerono. Por ĝin ellerni sufiĉos «facilega klopodeto». (Ĉu efektive?) Ĉar: oni ĝin senigos de ĝia «foliaĉaro neutila, de ĝia armaĵo de teorioj gramatikaj». Sed ni permesas al ni dubi: Ĉu ĝi tiam restos la «klasika» lingvo? Ĉu oni tiam ankoraŭ povos rajte prezenti tian nudigitan, senornamigitan estaĵon kiel «lingvon vivan»? Ni Esperantistoj certe bedaŭrus tiun denovan atencon kontraŭ la fama lingvo de l' roma imperio, kaj krome, ni kredas tian humiligon, aŭ se oni preferas «transformigon» de l' latina eĉ tute superflua laboro. Jam inter la rivaloj—sendanĝeraj — de Esperanto estas citindaj: «Novilatin (1895), «Nuova - Roman» (1897), «Latine sine flexione» (1903), «Nov Latin Logui» (1908) kaj «Le Nov-Latin» (?). Ĉu kanoniko Meunier deziras riĉigi ĉi tiun serion per nova aldono? Li agu laŭplaĉe!

La artikolisto tamen ne povas ne rimarki, ke Esperanto estas jam disaŭdigata ĉiutage el multaj radiostacioj. Sed malgraŭ tio, ĝia vivo estas nur ŝajna (laŭ li). Nu, ni ja vidos, ĉe kies flanko estos fine ŝajno kaj iluzioj. Nin jam nun ridetigas la «Latino en Berlitz-lernejoj»

hoy han desaparecido; Esperanto también desaparecerá; en sustitución aparecerá otro artificio efímero, creado por algún filósofo alemán o algún iluminado moscovita. Pero el latín es una lengua «natural» que ha servido durante más de diez siglos como lengua auxiliar.

Acerca de la «artificialidad» no hemos de hablar ahora. Cada uno de nosotros sabe, no por teoría, sino muy prácticamente, que nuestro Esperanto no es menos «natural» que las lenguas nacionales y no más «artificial» que ellas. Ante todo, es interesante para nosotros la manera de la introducción general del latín. Hasta el canónigo Meunier, «el ilustrado apóstol de esa cruzada», no se atreve a exigir que ese latín, idioma auxiliar internacional, sea la lengua en la forma que usaron Virgilio, Ovidio y Cicerón. Para aprenderlo bastará un «facilísimo esfuerzo» (¿Efectivamente?). Porque: se le desnudará de su «hojarasca inútil, de su armadura de teorías gramaticales». Nosotros nos permitimos ponerlo en duda. ¿Lo que reste entonces será la lengua clásica? ¿Habrá derecho entonces a presentar todavía ese ser desnudo y sin ornamentación como «lengua viva»? Nosotros, los esperantistas, lamentaríamos ciertamente ese nuevo atentado contra la famosa lengua del imperio romano, y además juzgamos trabajo completamente superfluo esa humillación, o si se prefiere «transformación» del latín. Ya entre los rivales—inofensivos—del Esperanto son dignos de mención: «Novilatin» (1895), «Nuova - Roman» (1897), «Latine sine flexione» (1903), «Nov Latin Logui» (1918) y «Le Nov Latin» (?). ¿Acaso el canónigo Meunier quiere enriquecer esta serie con una nueva adición? !Hágalo a su placer!

Sin embargo, el articulista no puede pasar desapercibido que ya el Esperanto se hace oir diariamente desde muchas estaciones radiográficas y, a pesar de eso, su vida es sólo aparente (según él). Bien, nosotros ciertamente veremos de qué lado están al fin la apariencia y las ilu-

kaj ni ĝin jam nun konsideras «pia deziro», laŭ germana diro. Ankaŭ la uzado de latino kiel klara telegrafa lingvo ne donos la garantion al kanoniko Meunier, ke tiun lingvon «tiel klaran, tiel facilan» post du jaroj oni aŭdos en iu ajn «dancejo de Leningrado aŭ de Oslo».

De kie venas subite tiaj inklinoj? Nu, ĉar estas modo nun (eble ĝi eĉ jam pasis) iom scii babili pri la «Summa theologica» de Tomás de Aquino «inter du dancoj» (!); tiu modo kuntrenas kun si la submodon de la latina mondhelp-lingvo.

Sed kial oni insistas nomi por tiu destino nur la latinan? Kial oni ne proponas ankaŭ la antikvan grekan, kiu ja fakte ĉiam, eĉ dum la plejalta florado de l' mondregno latina estis la lingvo de la klerularo, de literaturo, modo kaj artoj? Sed, ĉu ĝi eble havus pli da bonŝancoj? Ne. Ambaŭ estas ŝtoniĝintaj lingvoj, dokumentoj de historio, admirindaj—sendube; lernindaj por certaj sciencaj celoj—nepre. Sed vivigi por ĝenerala moderna uzado kadavrojn, ankaŭ se iliaj mumioj estas tre bone konservitaj? Ne.

Kun plena respekto al la latina lingvo ni Esperantistoj ne lasas nin devojigi per ĝi de nia celo. Dua lingvo por ĉiuj, tio estas nia devizo kaj deziro. Sed ĝi ne estu la historia latino nek junigitaĵo ĝia; ĝi estu nia Esperanto, pruvinta jam evidentege sian aplikeblecon por bezonoj antikvaj, novaj kaj modernaj. Ni malakceptas la latinan lingvon kiel konkuranton sur la mondhelplingva kampo, sed kore konservas por ĝi la altestimon, kiun meritas idiomo kulturportinta dum tiom da jarcentoj.

Jobo.

siones. Ya desde luego nos hace sonreir «El Latín en las escuelas Berlitz» y lo conceptuamos «un piadoso deseo», según la expresión alemana. Tampoco el uso del latín como lenguaje claro telegráfico dará al canónigo Meunier la garantía de que esa lengua «tan clara, tan fácil», al cabo de dos años se oirá en cualquier «cabaret de Leningrado o de Oslo».

¿Y de dónde proceden súbitamente tales inclinaciones? Pues, porque está ahora de moda (es posible que haya pasado ya), saber charlar algo de la «Summa theologica» de Santo Tomás de Aquino «entre dos danzas»: esa moda arrastra consigo la submoda del latín como lengua auxiliar mundial.

¿Pero, por qué se insiste en llamar para ese oficio sólo al latín? ¿Por qué no se propone también al antiguo griego, el cual, en verdad, fué siempre de hecho, hasta durante el mayor florecimiento del reinado mundial del latín, el idioma de los intelectuales, de la literatura, de la moda y de las artes? ¿Es posible que tuviera éste mayores probabilidades? No. Ambos son idiomas petrificados, documentos de la historia admirables, sin duda, cuyo estudio es indispensable para determinados propósitos científicos. Pero hacer revivir para uso general y moderno a cadáveres, aún cuando sus momias se hallen perfectamente conservadas, no.

Con el mayor respeto a la lengua latina, nosotros, los esperantistas, no nos dejamos desviar de nuestro camino. Un segundo idioma para todos, esta es nuestra divisa y nuestro deseo. Pero no sea éste el latín histórico ni un rejuvenecimiento suyo: sea nuestro Esperanto, que ha probado ya hasta la evidencia su facilidad de aplicación para todas las necesidades antiguas, nuevas y modernas. Nosotros desechamos al latín como competidor en el campo de los idiomas auxiliares internacionales, pero conservamos cordialmente para él la alta estimación que merece una lengua que ha sido el vehículo de la civilización durante tantos siglos.

# La velkinta rozo

En tre malproksima lando, en tiu lando kie ankoraŭ la bestoj parolas kaj la floroj scias senti kaj plori, kreskis belega kaj bonodora rozo apud klara fontano. Tie, for de la kruelaj homoj, ĝi estis feliĉa. La suno ĝin dorlotis per siaj oraj kaj varmetaj radioj. La venteto dolĉe lulis ĝin. La papilio flugetis ĉirkaŭ sian bonodoran fratinon. La abelo serĉis en la flora kaliko la dolĉan nektaron, por fari poste la dolĉegan mielon... kaj eĉ humila vermeto forlasis ĉiutage dum momento sian kotan loĝejon por donaci al sia kara rozo aman rigardon. La rozo, do, estis feliĉa ĉar ĝi estis amata. Estas tiel facile ami *riĉecon* kaj belecon!...

Sed iam, ektremigis la kamparon terura ventego; muĝis la tondro, brilis la fulmoj paligante la teron... La krusto de la arboj krakis kiam ĝi estis disŝirita de la vento, kiu sen kompato renversis ankaŭ la naivan konvalon kaj vundis la belegan rozon. Poste, ĉesis la vento, silentis la tondro, estingis sin la fulmoj kaj rebrilis la suno kaj la birdetoj pepis.

Sed, malfeliĉa rozo! Kiam ĝiaj adorintoj vidis ĝin kuŝanta sur la fia koto, velkinta kaj senkolora, bedaŭris, ja, ĝian sorton, sed iliaj plendoj, anstataŭ konsoli, ĉagrenis ankoraŭ pli la malgajan floron.

Diris la papilio, dum ĝi forflugis.

—Kia domaĝo! Mi estis tiel bela apud tiel belkolora rozo!...

Diris la abelo, ankaŭ malaperante:

—Kia domaĝo! Estis tiel dolĉa la mielo de tiel dolĉega kaliko!

Kaj eĉ la venteto, kiu antaŭe lulis ame la reĝan floron diris tiam al ĝi, dum enterigis sub la polvo sian eksamatulinon:

—Kia domaĝo! Ĉu vi ne sciis, malfeliĉa, ke ofte ŝajnas amo tio kio nur estas propramo kaj vaneco?

# La rosa marchita

En un país muy lejano, en aquel país donde aún las bestias hablan y las flores saben sentir y llorar, crecía una rosa hermosísima y fragante cerca de un claro manantial. Allí, lejos de los hombres crueles, era feliz. El sol la mimaba con sus tibios rayos de oro. La brisa la mecía dulcemente. La mariposa revoloteaba alrededor de su fragante hermana. La abeja buscaba en su cáliz el dulce néctar, para hacer luego la dulcísima miel, y hasta un humilde gusanillo abandonaba cada día un momento su mansión de cieno para regalar a su querida rosa una mirada de amor. La rosa, pues, era feliz porque era amada. ¡Es tan fácil amar la *riqueza* y la hermosura!...

Pero un día, extremeció la campiña un terrible vendabal; mugió el trueno, brillaron los relámpagos, empalideciendo la tierra... La corteza de los árboles crujía al ser desgajada por el viento, que, sin piedad, abatió también el ingenuo lirio e hirió la hermosísima rosa. Luego cesó el viento, calló el trueno, se extinguieron los relámpagos y brilló de nuevo el sol, y los pajarillos gorjearon.

Pero, ¡desgraciada rosa! Cuando sus adoradores la vieron caída sobre el lodo vil, marchita y sin color, lamentaron, en verdad, su suerte, pero sus lamentos, en vez de consolar, apenaban más aún a la desgraciada flor.

Dijo la mariposa mientras, volando, se alejaba:

—¡Qué lástima! ¡Estaba yo tan bella junto a rosa tan lozana!...

Decía la abeja, desapareciendo también:

—¡Qué lástima! ¡Era tan dulce la miel de tan dulcísimo cáliz!

Y, hasta la brisa, que antes meció amorosa la regia flor le dijo entonces, mientras sepultaba bajo el polvo a su ex amada:

—¡Qué lástima! ¿No sabías tú, desgraciada, que frecuentemente parece amor lo que es tan sólo vanidad y egoísmo?

La rozo, vidante sin plenmakula kaj forlasita, ekploris:

—Bona Dio! Ĉu mi estas kulpa ne esti jam bela?

Tionĉi diris la velkinta floro, kiam aŭdis ke iu sin proksimigis al ĝi. Humila vermeto alvenis ĝis la mortanta rozo, kaj sin kuŝetis sur ĝin por doni al ĝi sian varmon.

—Kiel! Vi, kiu diris al mi nenion kiam mi estis bela, min serĉas nun, kiam neniu min amas?

Ridetis la vermeto, kaj modeste respondis:

—Kiam vi estis bela ĉiuj amis vin, kaj mia amo estus hontiginta vin. Ho, mia karulino! Mi amis ĉiam vin, sed tiam vi ne bezonis mian amon, tial mi al vi diris nenion. Permesu ke mi vin amos hodiaŭ. Se morgaŭ vi reestas bela, ne timu! Revenos la papilio, revenos ankaŭ la abelo, kaj mi... mi denove min kaŝos en mia truo por ne fari honton al vi.

Super la ĉielo brilis jam la blanka luno. Dormis la birdetoj, ripozis la kamparo, kaj malproksime, tra la nokta silento oni aŭdis ankoraŭ la vermetan voĉon, kiu tre mallaŭte diris al sia amatulino:

—Jes, jes, mi estas tre malbela! Sed, ĉu ne estas certe ke la papilio kun siaj oraj flugiloj, kaj la abelo kun sia dolĉa mielo valoras malpli, multe malpli ol la koro de humila vermeto?...

EDUARDO MORENO.

Castielfabib (Valencio), 13-10-25.

La rosa, viéndose abandonada y ofendida, rompió a llorar.

¡Buen Dios! ¿Tengo yo la culpa de no ser ya hermosa?

Esto decía la marchita flor cuando oyó que alguien se aproximaba a ella. Un humilde gusanillo llegó hasta la rosa moribunda y se recostó sobre ella para prestarle su calor.

—¡Cómo! ¿Tú, que nada me dijiste cuando era yo hermosa, me buscas hoy, cuando ya nadie me ama?

Sonrió el gusanillo y, modestamente, respondió:

—Cuando tú eras hermosa todos te amaban, y mi amor te habría avergonzado. ¡Ah, querida mía! Yo siempre te amé, pero entonces tú no necesitabas mi amor; por eso yo no te dije nada. Permite que hoy te ame. Si mañana vuelves a ser bella, ¡no temas! Volverá la mariposa, volverá también la abeja, y yo..., yo otra vez me ocultaré en mi agujero para no avergonzarte.

En el cielo brillaba ya la blanca luna. Dormían los pajarillos, la campiña reposaba, y, a lo lejos, en el silencio de la noche, se oía aún la voz del gusanillo, que, muy quedo, decía a su amada:

— ¡Sí, sí, yo soy muy feo! Pero, ¿no es verdad que la mariposa con sus alas de oro, y la abeja con su dulce miel valen menos, mucho menos, que el corazón de un pobre gusanillo?

EDUARDO MORENO.

Castielfabib (Valencia), 13-10-25.

---

# SONETO

Soneton de mi petas Violante
kaj neniam min ĝenis tia peto;
dek kvar versoj, laŭ dir', estas soneto;
jen tri versojn mi verkis jam ludante.

Mi timis fari versojn konsonante,
sed jen fluas vers kvaroj en kvieto;

Un soneto me manda hacer Violante
y en mi vida me he visto en tal aprieto;
catorce versos dicen que es soneto;
burla burlando van los tres delante.

Yo pensé que no hallara consonante
y estoy en la mitad de otro cuarteto;

ĉe l' unua vers-trio, la poeto
daŭrigos la soneton ne timante.

Mi komencas eniri tra vers trio
kaj ke mi plene trafis mi konjektas
ĉar jam ĝin finas tiu ĉi linio.

Mi estas ĉe la dua, kaj suspektas
ke dek-tri versojn verkis mi post ĉio.
Se nun estas dek-kvar, finite estas.

El la hispana lingvo tradukis,
J. GRAU CASAS.

mas si me hallo en el primer terceto,
no hay cosa en los sonetos que me espante.

Por el primer terceto voy entrando
y aún presumo que entré con pie derecho
pues fin con este verso le voy dando.

Ya estoy en el segundo, y aún sospecho
que estoy los trece versos acabando.
Contad si son catorce, y está hecho.

LOPE DE VEGA (1562-1635).

---

## SOLECO

Tra mallumigata strato
aro bruanta marŝadas,
ili, vidinte la larmojn
vangojn miajn rigardadas.

Scivolemeco sendube
montris al ili la limon:
Ili komprenis la larmojn;
sed ne komprenis l' animon.

Tial, inter ĝojaj aroj,
inter brua la gajeco
naskis en animo mia
nekonsolebla soleco.

AMALIA NÚÑEZ DUBÚS,
Profesora auxiliar de la Escuela
Normal de Navarra, Pamplona.

---

## Mia kor'

Mia kor' estas laca,
jam preskaŭ ne audiĝas ĝia bat',
ĝi multe suferadis
ĉar virinoj ĝin vundis sen kompat'.

Mia kor' tro sentebla
emis la sentojn de la ampenad',
sed, tamen, malfortiĝis
ĝi, kaŭze del konstanta batalad'.

Neniam ĝi rifuzis,
kontraŭe, ĝi akceptis de la am'
ĉies invitojn kaj pro tio nune
apenaŭ povas enamiĝi jam.

A. P.

# Grava alvoko al ĉiulandaj esperantistaj entreprenoj

La esperantista movado en tiu-ĉi urbo estas oficiale helpata de la urbaj aŭtoritatoj kaj societoj, sed mankas la entuziasmo necesa por vigla samideana laborado. Pro tio, ni nin turnas al ĉiuj esperantistaj entreprenoj de la tuta mondo, por ke ili sendu ĉiujn cirkulerojn, flugfoliojn kaj propagandilojn al niaj ĉefaj organizaĵoj.

Ekzemple: nia grupo ricevas subvencion de la urbestraro valencia; la ĉitiea Oficiala Komerca Ĉambro, subvencias matrikulojn de Esperanto en la ĉitiea Instituto de Idiomoj en tiu-ĉi Universitato; la Internacia Specimena Foiro (Ŝtata entrepreno) estas favora al ni, ktp.; sed, ne ekzistas nuntempe la entuziasmo pri disvastigo de Esperanto, ekzistanta antaŭ la milito.

Do, ni petegas al la alvokataj entreprenoj ke ili bonvolu sendi al la valenciaj oficialaj rondoj ĉiujn sciigojn, cirkulerojn, flugfoliojn, unuvorte: ĉiujn presaĵojn dissendotajn al la industriaj, profesiaj, metiaj, turismaj kaj komercaj centroj por que tiuj-ĉi oficialaj estaĵoj sin okupu pri nia afero kaj por ke ili *kredu*, ĉion, kion ni ĉiutage aldiras al ili pri nia progresado.

Ŝajnas al ni ke tiamaniere ni altiros pli bone la atenton de niaj sampatrujaj aŭtoritatuloj ol se ni predikas, paroladas kaj verkas artikolojn en la urbaj ĵurnaloj rilatante ĉiutage niajn esperantistajn triumfojn en la tuta mondo.

Memoru kion diris al ni nia Majstro: «Eĉ guto...»

Per tiu rimedo, ĉar neniu estas profeto en sia patrujo, niaj samurbanoj konvinkiĝos pli bone pri tio, kion oni diras al ili de eksterlando ol per ĉio kion ni povos certigi.

Jen la adresoj de la *nekredantoj* subvenciantaj Esperanton.

FERIA INTERNACIONAL DE MUESTRAS.—Valencia. (Internacia Specimena Foiro Valencia) (tiu adreso sufiĉas).

CÁMARA OFICIAL DE INDUSTRIA, COMERCIO Y NAVEGACIÓN DE VALENCIA (Oficiala Komerca Ĉambro je Industrio, Komerco, kaj Navigacio) (sufiĉas).

SR. ALCALDE DEL EXCMO. AYUNTAMIENTO DE VALENCIA. (S-ro. Urbestro de la Moŝta Urbestraro Valencia) (tiu-ĉi adreso sufiĉas).

ATENEO MERCANTIL. (Komerca Ateneo) (sufiĉas).

FOMENTO DEL TURISMO, CASA AYUNTAMIENTO. (Plifaciligo de l' Turismo) (Urbestrejo).

Ni firme esperas ke la alvokatoj plenumos nian peton kaj se ili konsideras ĝin taŭga, ni estas pretaj fari la samon rilate al ili.

LA SUNO HISPANA.

(Al ĉiuj gazetoj ni petegas represon).

---

**The Esperanto Institute Ltd.** Welwyn Garden City, Herts., Inglaterra, ha puesto a la venta una serie de discos, para gramófono, en Esperanto, de la casa *Linguaphone*, muy a propósito para que los esperantistas aislados, aquellos que no pueden asistir a los Congresos universales, tengan ocasión de oir de viva voz los discursos pronunciados por el Dr. Edmond Privat, presidente del Comité Central Internacional del Movimiento Esperantista.

La aludida serie la componen cinco discos impresionados por ambas caras, cons-

tituyendo una colección de discursos y obras literarias de lo más escogido y útil para el objeto y propaganda de nuestro querido idioma auxiliar.

He aquí el programa de las obras que componen la expresada serie:

Disco 1.° (sobre dos caras). Zamenhof acerca de la Humanidad. Cita de la vida de Zamenhof, de Edmond Privat, sobre el Congreso de Bulogne.

Disco 2.° *Primera cara:* «La Espero», «Mia Penso», «Ho mia Kor», En Nord' unu Pino».

*Segunda cara:* «Al fratoj», «En Sonĝo».

Disco 3.° *Primera cara:* Zamenhof acerca de la pronunciación. Consejo del Maestro sobre la pronunciación.

*Segunda cara:* Zamenhof acerca del estilo. De la carta a Borovko sobre el origen del Esperanto.

Disco 4.° *Primera cara:* Privat-Prosa. Del «Kursa Lernolibro» y «Karlo».

*Segunda cara:* Privat. Discurso. Oración pronunciada por el Dr. Privat en la apertura del Congreso de Viena. «Los caballeros de la Estrella Verde».

Disco 5.° Privat—poesía—*Primera cara:* Poemas de «Tra l' Silento».

*Segunda cara:* Trozo del drama lírico «Ginevra». Trozo de poesía de la obra «Acerca de la Literatura Esperantista.»

El profesor y el alumno, ambos deben interesarse por la *Serie Instructiva*, consistente en 15 discos (a dos caras) y el libro instructivo, con grabados y diccionario en seis idiomas.

Pídanse detalles acerca de *ambas series* y *The Esperanto Institute Ltd.* remitirá gratuitamente el prospecto en Esperanto a quien le escriba.

---

# Recenzo

*Kantaro Esperanta.*—Kompilita de Montagu C. Butler. 112/XII paĝoj. Prezo: 1 ŝilingo, 6 pencoj. British Esperanto Associatión, 17 Hart Street, London, W. C. 1.

La esperanta literaturo ĉiutage riĉiĝas per novaj valoraj verkoj, kiel tiu-ĉi, montrante al la skeptikuloj per nekontraŭstareblaj faktoj la veran gravecon de nia movado. Versa libro, enhavanta 358 esperantajn parolkantojn, ĉu originalajn, ĉu tradukitajn el diversaj lingvoj, kun notoj pri la responda muzikaĵo verkita por ili, aparte presita kaj ekzistanta ĉe la muzikeldonejoj, vere sufiĉas por konvinki niajn plej grandajn kontraŭdirantojn pri la realeco kaj efektiva enradikiĝo de niaj internacilingvaj ideoj en la mondo. Tial meritas la plej entuziasmajn laŭdojn kaj nian apogon aŭ simpation la malavaraj entrepenoj, kiuj akceptas la ŝarĝon pri la publikigado de tiaj verkoj.

# Crítica literaria

*Colección de cantos en Esperanto.*—Recopilados por Montagu C. Butler. 112/XII páginas. Precio: 1 chelín, 6 peniques. Asociación Esperantista Británica, 17, Hart Street, Londres, W. C. 1.

La literatura esperantista se enriquece diariamente con nuevas obras valiosas, como ésta, demostrando a los escépticos con hechos irrefutables la verdadera importancia de nuestro movimiento. Un libro en verso, que contiene la letra de 358 cantos en esperanto, ya originales, ya traducidos de diversas lenguas, con llamadas a la correspondiente música compuesta para ellos, impresa aparte y existente en las editoriales de música, basta en verdad para convencer a nuestros más grandes contradictores sobre la realidad y efectivo arraigo de nuestras ideas respecto a una lengua internacional en el mundo. Por eso merecen los más entusiastas elogios y nuestro apoyo o simpatía

Tiu pri kiu ni pritraktas estas zorgege verkita kaj korektita; enhavas la plej diversajn stilojn kaj versmezurojn aplikitajn al kantoj naciaj, religiaj, esperantistaj, humoraj, operaj, k. a., kaj super ĉiu kanto aperas laŭbezone utilaj detaloj, nome: Esperanta titolo, nacia titolo, komponinto de ĝia muziko, fonto de muziko, prezo en angla lingvo kaj nomo kaj adreso de l' eldoninto.

Aldonu al tio tre netan presadon kaj belan aranĝon de la libro, kun oportunaj kartonaj kovertoj, kaj vi vidos tute rekomendindan verkon, kiun ĉiu esperantisto devas nepre posedi.

---

*The object lesson (Objekta leciono).*— Komedio en tri aktoj, de William Morrison.—Ĉe la sama antaŭdirita British Association.—Prezo ne montrita.

Malgranda (20 paĝa) komedieto verkita en angla lingvo kaj iomete en Esperanto, tre facile ludebla, ĉar ĝi bezonas nur kvin personojn (aŭ kvar) kaj unikan scenaranĝon.

La argumento estas simpla kaj celanta la propagandon de nia lingvo: sinjoro Gordon, fabrikisto de lakoj, poluroj, k. s., kies negocoj ne marŝas bone, tute malŝatas Esperanton, pri kiu kelkafoje parolas al li lia fratino kaj lia komizo, ambaŭ entuziasmaj esperantistoj. Iun tagon la komizo sciigas al sia ĉefo la ekziston de Universala Esperanto Asocio, per kiu oni povas interrilatiĝi kun aktivaj homoj el la tuta mondo, precipe kun komercistoj, kaj konvinkas lin pri la utileco aliĝi kiel esperantista firmo al tiu Asocio kaj poste adresi al ĉiuj asociaj delegitoj en la diversaj landoj cirkuleron, esperante redaktitan de li, anoncante novan fabrikaĵon, t. e., botpoluron nomitan *Verdstelo*, kiun ili estos petataj prezenti al ĉiuj komercistoj. Tio estis farita, kaj post kelkaj semajnoj la fabrikisto konstatis kun granda miro, ke ĉiutage alvenas la leterpor-

las desinteresadas empresas, que aceptan la carga de la publicación de tales obras.

La de que tratamos está cuidadosamente escrita y corregida; contiene los más diversos estilos y metros aplicados a los cantos nacionales, religiosos, esperantistas, humorísticos, de ópera, etc., y encima de cada canto constan cuando es necesario detalles útiles, como: el título en esperanto y en lengua nacional, el compositor de su música, fuente musical, precio en inglés y nombre y dirección del editor.

Añadid a esto una impresión muy clara y una buena presentación del libro, con cómodas cubiertas de cartón, y veréis una obra muy recomendable, que todo esperantista debe poseer precisamente.

---

*Lección objetiva.*—Comedia en tres actos, de William Morrison.—En la misma supradicha Asociación Británica. Precio no indicado.

Pequeña comedia (20 páginas) escrita en inglés y algo en esperanto, muy fácil de ejecutar, por necesitar solamente cinco personajes (o cuatro) y una escena única.

El argumento es sencillo y tiende a la propaganda de nuestra lengua: el señor Gordon, fabricante de barnices, pulimentos y similares, cuyos negocios no marchan bien, desprecia rotundamente el Esperanto, sobre el cual le han hablado algunas veces su hermana y su dependiente, ambos entusiastas esperantistas. Un día el dependiente entera a su jefe de la existencia de la Asociación Universal de Esperanto, por medio de la cual se pueden establecer relaciones con hombres activos de todo el mundo, principalmente con comerciantes, y le convence de la utilidad de adherirse como casa comercial esperantista a aquella Asociación y dirigir luego a todos los delegados de la misma en los diversos países una circular, que él redactaría en esperanto, anunciando un nuevo producto, esto es, un betún para las botas llamado *Estrella*

tisto kun kreskanta ŝarĝo da leteroj, entenante multenombrajn mendojn, aĉetojn, proponojn de makleristoj, ktp. La firmo reviviĝas kaj rapide progresas; kaj, komprenebl̂e, la antaŭa kontraŭulo de nia lingvo internacia devenas unu el la plej konvinkitaj esperantistoj, dank' al la ricevita *Objekta leciono*.

*verde*, rogándoles lo propaguen entre todos los clientes. Así se hizo, y pasadas algunas semanas el fabricante vió con gran admiración, que de día en día llegaba el cartero con una creciente carga de cartas, que traían pedidos, compras, proposiciones de representantes, etc. La casa comercial se reanima y progresa rápidamente; y, naturalmente, el que antes fué enemigo de nuestra lengua internacional se convierte en uno de los más convencidos esperantistas, gracias a la *Lección objetiva* recibida.

---

*Informilo por junaj esperantistoj.*—El donita de *Esperantista Junularo*, Wedellstr. 17, Leipzig Möckern (Germanujo).—Prezo: 1 leterafranko eksterlanden = 0'25 germana marko = 0'40 peseto.

Konsistas el 48-paĝa malgrandformata broŝuro enhavanta sciigojn utilajn por la junuloj ĝenerale kaj speciale por la membroj de *Tutmonda Esperanto Asocio Junulara*, kiu dissendas ĝin senpage al siaj aliĝintoj.

*Informador de los esperantistas jóvenes.*—Editado por el periódico *La Juventud Esperantista*, en Leipzig-Möckern (Alemania).—Precio: 1 franqueo de carta para el extranjero = 0'25 de marco alemán = 0'40 de peseta.

Consta de 48 páginas de folleto pequeño, conteniendo noticias útiles para los jóvenes en general y especialmente para los socios de la *Asociación Universal de Esperanto para la Juventud*, que lo envía gratis a sus adherentes.

---

# SCIIGOJ

*Nova esperantista entrepreno.*—Ĵus fondiĝis en Londono akcia kompanio, sub la titolo *The Esperanto Institute Limited*, por akceli la progreson de Esperanto pere de ĝia praktika aplikado kaj uzado. La Direktoroj estas S-roj. H. Boll, Charles H. Edmonds, F. L. Jones, F. R. Shelton, G. T. Smith, kaj F. E. Wadham, kies nomoj estas bone konataj de multaj samideanoj tra la mondo. La Kompanio estas leĝe registrita kun oficejo ĉe Welwyn Garden City, apud Londono.

Jam funkciantaj fakoj estas reklamagentejo, vojaĝagentejo kaj libroeldonejo. La Kompanio estas oficiale difinita kiel Tutmonda Disvendagentejo por la Espe-

# NOTICIAS

*Nueva empresa esperantista.*—Acaba de fundarse en Londres una compañía por acciones, bajo el título de *El Instituto Esperanto, limitada*, para acelerar el progreso del Esperanto por medio de su aplicación y uso prácticos. Los Directores son los Sres. H. Boll, Carlos H. Edmonds, F. L. Jones, F. R. Shelton, G. T. Smith y F. E. Wadham, cuyos nombres son bien conocidos de muchos *samideanos* en el mundo. La Compañía está legalmente registrada con oficina en Welwyn Garden City, junto a Londres.

Ya funcionan las secciones de agencias de reclamos y de viaje y editorial de libros. La Compañía ha sido oficialmente designada como agencia mundial de

rantaj Gramafondiskoj *Linguaphone*. Siatempe ĝi difinos agentojn en ĉiu lando por peri rilatojn. La adreso por leteroj estas: The Esperanto Institute Limited, Welwyn Garden City, Herts., Anglujo.

---

*Magyar Radio Ujsag*.—La teknika revuo *Magyar Radio Ujsag* (Hungara radio Gazeto) en sia lasta numero, dediĉas fakon en Esperanto por fremduloj, kie ĝi priskribas la solenan malferman kunsidon de la unua ekspozicio efektivigata de tiu entrepreno en Budapest, la 13an de pasinta februaro je la kvara horo kaj duono posttagmeze ĉe la festa salono de tiu ekspozicio.

Laŭ referato de tiu gazeto, malfermis la ekspozicion Fodor István, reĝa konsilanto, kiu, per mikrofono starigata en la ekspozicio solene anoncis tian malfermon al la tutá mondo, aldonante ke sinsekve la komisiito de lia princa moŝto D-ro. Jozef Ferenc, subĉefgeneralo Kratochwill Károly, salutis la radiistojn kaj la Ekspozicion.

Esperanto ankaŭ havas sian fakon, kie oni presentiĝis reklam kaj teknik tabeloj por ĝia disvastigo.

La menciita ekspozicio tute estos bona helpilo por propagandi Radion kaj Esperanton en Hungario.

(Adreso: Budapest, IV. Varoshaz Ucca 10, Hungario).

---

La Internacia Komitato de la Esperanto-Movado, per cirkulero 5a alvokas al ĉiuj naciaj kaj fakaj societoj kaj al komitatanoj ka ĉefdelegitoj de U. E. A. por diskuti pri gravaj kaj urĝaj demandoj rilate nian ĝene ralan propagandon al kunveno okazonta en Locarno (Suda Svislando) je Pasko de sabato 3-marto 6 aprilo venontaj.

Samtempe oni kunvokas apartan kun-

venta de los discos gramofónicos en Esperanto *Linguaphone*. Oportunamente nombrará agentes en todos los países para facilitar las relaciones. La dirección para las cartas es: The Esperanto Institute Limited, Welwyn Garden City, Herts., Inglaterra.

---

*Magyar Radio Ujsag*.—La revista técnica *Magyar Radio Ujsag* (Revista Radio Húngara), en su último número, dedica una sección en Esperanto, para extranjeros, en la que describe la solemne sesión de apertura de la primera exposición que la misma publicación ha efectuado en Budapest, cuyo acto ha tenido lugar el día 13 de febrero próximo pasado, a las cuatro y media de la tarde, en el salón de actos de la misma.

Refiere el periódico citado que inauguró la exposición Fodor István, consejero real, quien por medio del micrófono, establecido en la exposición, solemnemente anunció al mundo entero su apertura. Añadiendo que seguidamente el comisionado de su alteza József Ferenc, subgeneralísimo Kratochwill Karoly saludó a los radiooyentes y a la Exposición.

El Esperanto tiene también su sección, en la que se han expuesto cuadros estadísticos y reclamos atrayentes para su divulgación.

La mencionada exposición en su totalidad será un auxiliar poderoso para la propaganda de Radio y Esperanto en Hungría.

---

El Comité Central Internacional del Movimiento Esperantista, por circular 5.a, convoca a todas las sociedades nacionales y particulares y a los directivos y delegados jefes de la U. E. A , para discutir graves y urgentes cuestiones relativas a nuestra propaganda general, a la reunión que tendrá lugar en Locarno (Suiza Meridional), en Pascua, desde el sábado 3 al martes 6 de abril próximo.

Al mismo tiempo se convoca para

sidon de la Konstantaj Reprezentantoj de Naciaj Societoj por ordigi internajn aferojn de K. R.

otra reunión aparte de los Representantes permanentes de las Sociedades Nacionales para organizar y ordenar los asuntos internos de la K. R.

Kiel oni vidas, la centra komitato konstante priokupiĝas pri la aferoj de nia propagando.

Como se ve, el comité Central constantemente se preocupa acerca de los asuntos de nuestra propaganda.

---

Pro la nova organizo de la Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio (T. E. K. A.) kaj pro la plibonigo de la Internacia Medicina Revuo, D-ro. Bartomeu, el Barcelono (str. Tallers-81-Apoteko), kiu estas ĝia reprezentanto por Hispanujo, nun ricevas multajn aliĝilojn el diversaj hispanaj urboj, sed i. a. estas citindaj tiu de S-ro. José G. Armendaritz-Direktoro de la veterinaraj servoj de la sanŝtato je Madrido-ĉar li estas tute kuraĝa kaj fervora al Esperanto, kiel ankaŭ tiun de sinjoro D-ro. Gómez Aguado-ĉefredaktoro de la revuo *Por la Infancia* («Pro infaneco»), Córdoba.

A causa de la nueva organización de la Asociación Médica Esperantista Mundial, y con motivo del mejoramiento de la Revista Médica Internacional, el doctor Bartomeu, de Barcelona (calle de Tallers, 81, Farmacia), su representante en España, recibe actualmente muchas adhesiones de diversas capitales españolas, pero entre otras son dignas de mención la de D. José G. Armendaritz, Director-jefe de los servicios de sanidad pecuaria en Madrid, persona que siente grandes alientos y fervor por el Esperanto, como también la del Dr. Gómez Aguado, Redactor-jefe de la revista *Por la Infancia*, Córdoba.

---

La 31an de januaro okazis ĝeneralkunsido de *Nova Sento*, en ĝi estis elektita la jena komitato.

El 31 de enero se celebró la Junta general de *Nova Sento*, en la que fué elegida la siguiente Directiva:

*Prezidanto*-Presidente. . . . José M.ª Górriz.
*Vicprezidanto*-Vicepresidente. . Petro Vives.
*Sekretario*-Secretario.. . . . J. Bolós.
*Vicsekretario*-Vicesecretario. . A. Ribera.
*Kalkulisto*-Contador. . . . . Antonio Mongay.
*Kasisto*-Tesorero. . . . . . S. Vives.
*Bibliotekisto*-Bibliotecario. . . E. Gili.
*Voĉdonantoj*-Vocales.. R. Burgada. P. Górriz. J. Llunell. J. Farrás.

Adreso: str. Wadrás-195-Barcelono.

Dirección: calle Wadrás-195-Barcelona.

---

*Grava Esperanto-Festo ĉe «Radio Barcelona (325 m. h. l.).*—Okazos la 7an de aprilo, vespere, de 9a ĝis 11a horoj.

Paroladoj i. a. de D-ro. Bartomeu kaj profesoro Doménech.

Deklamo de zorge elektitaj poeziaĵoj.

*Importante Fiesta Esperantista en la «Radio Barcelona» (325 m. l. de h.).*—Tendrá lugar el 7 de abril de 9 a 11 de la noche.

Discursos, entre otros, del Dr. Bartomeu y del profesor Doménech.

Recitados de poesías cuidadosamente elegidas.

Eminenta kantistino samideanino Palmira Castellvi, regalos la aŭskultantaron per belaj esperantaj kantoj.

Disaŭdigo de gramofon cilindroj per kiuj emocie oni aŭdos niajn neforgeseblajn Zamenhof, Bourlet k. a.

Ankaŭ oni ludos belajn muzikaĵojn.

Radio - esperantistoj! Samideanoj el tutmondo! Aŭskultu, kaj sendu gratulajn poŝtkartojn al Radio-Barcelona. str. Caspe, 12, 1.° Barcelona Hispanujo.

La eminente cantatriz Srta. Palmira Castellví, obsequiará a los radiooyentes con bellas canciones esperantistas.

Reproducción de cilindros fonográficos por la que se podrá oir a nuestros inolvidables Zamenhof, Bourlet y otros.

También se ejecutarán preciosas obras musicales.

¡Radio-esperantistas! *¡Samideanos* de todo el mundo! Escuchad y remitid tarjetas postales de felicitación a la Radio-Barcelona, calle de Caspe, 12, 1.°, Barcelona, España.

# Laste ricevitaj gazetoj

*Amerika Esperantisto*, februaro, 507 Pierce Bldg., Copley Square, Boston, 17 (Mass. U. S. A.).

*Aŭstria Esperantisto*, februaro, Korneuburg ĉe Wien, Postfach (Aŭstrio).

*Arbetar Esperantisten*, februaro. Förbundet, Göteborg (Svedio).

*Arbeider Esperantisten*, januaro, Folkets Hus, Oslo (Norvegio).

*Der Arbeiter Esperantist*, februaro, Choriner Strasse, 45, Berlín, n. 58 (Germanio).

*Belga Esperantisto*, februaro, Kleine Hondstraat, 11, Antverpeno (Belgio).

*Brazila Esperantisto*, decembro, Praça 15 de novembro, 101, Río de Janeiro (Brazilio).

*Esperantista Junularo*, februaro, Wedellstr. 17, Leipzig-Mockern (Germanio).

*Esperanto*, februaro, *Universala Esperanto-Asocio*, 12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svisio).

*Esperanto*, decembro, Piata Unirei, n.° 24, Ploeŝti (Rumanio).

*Espero Katolika*, februaro, 55, rue Vaugirard, París (6°) (Francio).

*La Fervojisto*, novembro-decembro, Jezuitska ul. 1, Zagreb (Jugoslavio).

*Fluganta Skribilo*, marto, 9, Bould. Voltaire, Issy-les Moulineaux, Seine (Francio).

*Germana Esperantisto*, novembro, Wilmstr. 5, Berlín SW 61 (Germanio).

*Hungara Esperantisto*, januaro-februaro, Váczi utca, 8, 1, 12, Budapest, IV (Hungario).

*Informoj de Esperanto-Asocio de Estonio*, januaro, Postkast 6, Tallin (Estonio).

*Interligilo de l' P. T. T.*, februaro, 54, rue Custine, París XVIII (Francio).

*Internacia Stenografisto*, februaro, Bd. Voltaire, Issy-les Moulineaux, Seine (Francio).

*International Language*, marto, 17 Hart Street, London, W. C. 1 (Anglio).

*Kataluna Esperantisto*, februaro, calle Valencia, 245, Barcelona (Hispanio).

*La Kolportisto*, 64, St. Thomas' Road, London, North, 4 (Anglio).

*Libera Laboristo*, februaro, Tresckowstr. 58, Berlín N 58 (Germanio).

*Litova Stelo*, januaro-februaro, Rotuŝés Aikŝté, n.° 6, Kaunas (Litovio).

*Le Monde Esperantist*, novembro decembro, 3, rue Sophie-Germain, París (Francio).

*Nova Sento*, januaro, 32, Gokurakuĵimaĉi, Fukuoka (Japanio).

TIPOGRAFIA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas, 9), VALENCIA

Por faciligi al siaj membroj la praktikan uzon de la lingvo kaj favorigi esperantistan korespondadon, turismon, komercajn rilatojn, interŝanĝon de poŝtmarkoj, ktp.

Por konatigi la valoron de nia lingvo ĉe interŝtataj oficejoj, grandaj internaciaj societoj, ktp. La sukceso de tiuj klopodoj multe dependas de la nombro de la personoj en kies nomo la Asocio rajtas paroli.

*Universala Esperanto-Asocio* donas:

Al la Membroj: Membrokarton kaj ducentkvindekpaĝan j a r l i b r o n kun la adresoj de la Delegitoj, esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj, ktp. Ĉiu membro deziranta korespondi aŭ interŝanĝi rajtas presigi dufoje sian adreson en la gazeto *Esperanto* aŭ speciala aldono.

Al la Membro-Abonantoj: La gazeton *Esperanto*, internacia ĉeforgano de la esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

Al la Membro-Subtenantoj: kun la supraj presaĵoj premion konsistantan el valoraj literaturaĵoj laŭ elekto el la jenaj tri sendaĵoj:

1. Verkaro de D-ro. Zamenhof (ok volumoj de tradukoj klasikaj.
2. Internacia Biblioteko Esperanta (32 volumetoj de internacia literaturo; libreto poŝformata).
3. «El Parnaso de popoloj» (poeziaĵoj el tridek lingvoj majstre tradukitaj de Antoni Grabowski).

*Universala Esperanto-Asocio* postulas:

Jaran kotizon de 5 fr. por Membro, de 12'50 fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto (favorprezo por hispanoj: 6, 15, 30 pesetoj).

Para facilitar a sus miembros el uso práctico del idioma y favorecer la correspondencia esperantista, el turismo, las relaciones comerciales, intercambio de sellos, etc.

Para hacer conocer el valor de nuestra lengua en las oficinas entre estados, grandes asociaciones internacionales, etcétera. El éxito de estas gestiones depende en mucho del número de personas en cuyo nombre tenga derecho a hablar la Asociación.

*La Asociación Universal Esperantista* entrega:

A los Miembros: La Carta de socio y un anuario de 250 páginas, con las direcciones de los Delegados, grupos esperantistas, revistas, organizaciones, con noticias sobre relaciones internacionales, etc. Todo miembro que desee corresponder o establecer intercambio, tiene derecho a que se imprima dos veces su dirección en la revista *Esperanto* o especial suplemento.

A los Miembros-Suscriptores: La revista *Esperanto*, principal órgano internacional de los esperantistas, con artículos literarios, científicos, técnicos y exactos informes sobre el movimiento.

A los Miembros-Protectores: Con los impresos anteriores, un premio consistente en valiosas obras literarias a elección entre las tres remesas siguientes:

1.ª Obras del Dr. Zamenhof (ocho volúmenes de traducciones clásicas).
2.ª Biblioteca Internacional Esperantista (32 pequeños volúmenes de literatura internacional; forma manual de bolsillo).
3.ª «El Parnaso de los Pueblos» (poesías de 30 lenguas, magistralmente traducidas por Antonio Grabowski).

*La Asociación Universal Esperantista* solicita:

Una cuota anual de 5 frs. por Miembro, de 12'50 frs. por Miembro-Suscriptor y de 25 frs. por Miembro-Protector (precio especial para españoles: 6, 15, 30 pesetas, respectivamente).

# Internacia Centra Komitato de la esperanto-movado

Comité Central Internacional del movimiento esperantista

12, Boulevard du Théâtre, Genève (Ginebra) Svislando (Suiza)

*Prezidanto:* D-ro. Edmond Privat, 12, Boulevard du Théâtre, Genève.
*Instruado & Statistiko:* Prof. D-ro. Dietterle, Seumestrasse, 10, Leipzig-Schl.
*Financo & Juro:* W. M. Page, 31, Queen Street, Edinburgh.
*Gazetaro* (Prensa): Rudolf Hromada, Sočharská, 333, Praha VII.
*Teknikaj Fakoj* (Secciones técnicas): M. Rollet de L'Isle, 35, rue Sommerard, París, V.
*Socia Fako* (Sección social): Julia C. Isbrücker, v. Beverningkstr. 10, s' Gravenhage.

## Konsilantoj

*Extrem-Oriento:* Won Kenn, Kanton.
*Ameriko:* E. Legrand, Montevideo.

## Administrado

*Generala Sekretario:* Rob. Kreuz, Genève.
*Sekretario:* Andreo Ĉe, Genève.

# HISPANA ESPERANTO-ASOCIO

(Asociación Esperantista Española)

*Calle de Sagasta, núm. 10, Cruz Roja, Madrid*

*Presidente:* D. José Perogordo, calle de los Santos, 2, Madrid.
*Secretario:* D. Mariano Mojado, Abascal, 13, pral. A. Madrid.
*Tesorero:* D. Juan Carrasco Cuenca, Corredera Alta, 3, 3.°, Madrid (10).

# FEDERACIÓN ESPERANTISTA LEVANTINA

*Calle del Mar, núm. 23, Ateneo, Valencia.*